## TARIFO DE LA ABONPREZOJ.

| Landoj | Prezoj | |
|---|---|---|
| Angla | šil. | 3 |
| Argentina | pes. or. | 2 |
| Aŭstria | šil. | 5 |
| Belga | belgoj | 5 |
| Brazila | milr. | 5 |
| Bulgara | lev. bulg. | 100 |
| Ĉeĥoslovaka | kron. ĉek. | 25 |
| Dana | kronoj d. | 3 |
| Estona | est. kr. | 3 |
| Finnlanda | mark. finl. | 30 |
| Franca | frankoj fr. | 18 |
| Germana | mark. or. | 3 |
| Greka | drahmoj | 54 |
| Hispana | pesetoj | 4,5 |
| Hungara | kronoj or. | 4 |
| Itala | liroj ital. | 15 |
| Japana | jen. | 1,5 |
| Jugoslava | dinaroj | 40 |
| Litova | lid. | 7,5 |
| Latva | lat. | 4 |
| Nederlanda | gulden. | 2 |
| Norvega | kron. norv. | 3 |
| Pola | zlot. | 6 |
| Portugala | eskud. | 15 |
| Rumana | lev. rum. | 150 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,50 |
| Sveda | kron. sv. | 3 |
| Svisa | frank. sv. | 4 |
| Usona | dolaro | 1 |

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plejeble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1,— M por la germ. asocio, kaj 3.—M por Int. Ped. Revuo) al ĝirokonto „Esperanto-Vereinigung deutscher Lehrer, Leipzig-Leutsch, No. 27.857", membroj de la saksa asocio al k-go Schönherr, Dresden, ĝiro Dresden 30.560, poŝtĉeko Dresden 112.617.



## AGENTOJ DE TAGE.

**Vian kotizon akceptas:**

**En Landoj**

| | |
|---|---|
| Angla: | F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex. |
| Aŭstra: | Josef Feder, Wien II/I, Erlafstr. 8/9. |
| Belga: | Lab. Esp. Grupo, 24. rue de Sévigné-Anderlecht, Bruxelles. poŝtĉ. 124.801. |
| Blankrusa: | Agentejo Esperanto, D. Snejko, Minsk, Poŝtkesto 33. |
| Bulgara: | Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono. |
| Ĉekoslovaka: | Albin Neužil, lernejestro, Olomouc-Neředin. |
| Dana: | La Forta Voko, Dana Esperanto-Gazeto, Poŝtkonto: 3584. — S-ro Paul Neergaard, Kastelsvej 21, Kopenhago. |
| Estona: | Agnes Dresen, Poska tanav 29-6, Tallinn. |
| Franca: | M. Boubou, 96 rue St. Marceau, Orléans-Loiret. |
| Germana: | Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer, ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857. |
| Greka: | D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno. |
| Hispana: | Ferd. Montserrat, str. Villarroel 107, 2a, 2a, Barcelona. |
| Hungara: | Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag-utca 9. |
| Japana: | Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1. |
| Java: | K. Wirjosaksono, Klaten. |
| Jugoslava: | Svetislav S. Petrovič, Pirot, Serbio, Novosádska 17. |
| Latva: | S-ino O. Juŝen, Riga, Ernestines iela 7 dz. 11. |
| Litova: | A. Prapuolenis, mok., Kazlu-Ruda. |
| Nederlanda: | P. Korte, Hoofd der School, Drieborg (GR). |
| Pola: | K. Majorkiewicz, Czersk-Pom. poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan). |
| Rusa: | Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo. |
| Sveda: | Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6, Stockholm. |
| Svisa: | S-ino N. Qumansky, 4 Petites Delices, Ĝenevo. |

7-a Jaro. N-o 11-12 Novembro-Decembro 1928

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: HANS LUDWIG, Pirna-Posta IV-b (Germanujo)
Administrejo: M. GOLDBERG, Frohburgerstr. 68 p., Leipzig S 3 (Germ.), poŝtĉekkonto Leipzig 20 410 — Anoncoj: La linio, 3 mm alta, 6 cm larĝa, kostas 0,30 M.

**Enhavo:** Nova kresko de TAGE. — Plej favoraj perspektivoj. — Raporto pri Esperantokursoj en Stockholmo, gvidataj de Andreo Ĉe. — Esperanto en la lernejojn. — IALA. — Raporto pri la ĝisnunaj enketoj por IALA. — Traduko el „Moderna lernado de lingvoj". — La sanskrita radiko „mar". — Ĉefkunveno de la Saksa Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj. — Internacia lerneja servo. — Helpu, gesamideanoj! — Germana kongreso de la lernejaj kamparhejmoj. — El Jugoslavio. Lerneja vivo en Jugoslavio. — La konferenco de la estraroj de l' geinstruistaj asocioj de baltaj ŝtatoj. — La movado en Estonio. — Internaciaj pedagogiaj kongresoj kaj TAGE· — Diversaĵoj. — Anoncoj

## Nova Kresko de TAGE — Plej Favoraj Perspektivoj.

La streĉa propagandlaboro en la tutmonda Esperanto-instruistaro rezultigis tre ĝojigan rikolton: Nia abonantaro dum la jaro 1928 kreskis de 630 ĝis 800! Tio estas kresko de 27%!! La staton en la diversaj landoj montras jena

Tabelo de la IPR-abonantoj:

| LANDO: | NOMBRO DE ABONANTOJ: | | | |
|---|---|---|---|---|
| | **1928** | 1927 | 1926 | 1925 |
| Argentinio | **1** | — | 1 | 1 |
| Aŭstralio | **18** | 6 | 3 | 1 |
| Belgio | **4** | 2 | 7 | 6 |
| Britio | **15** | 8 | 11 | — |
| Bulgario | **20** | 16 | 9 | 10 |
| Ĉeĥoslovakio | **68** | 50 | 33 | 28 |
| Ĉinio | — | — | 1 | 3 |
| Danio | **6** | 4 | 2 | 1 |
| Estonio | **5** | 7 | 5 | 12 |
| Finnlando | **5** | 3 | 2 | 2 |
| Francio | **10** | 11 | 15 | 28 |
| Grekio | **1** | 1 | 1 | — |
| Hispanio | **5** | 4 | — | — |
| Hungario | **7** | 1 | 6 | 4 |
| Italio | **1** | — | 2 | 5 |
| Japanio | **7** | 7 | 6 | 4 |

| | 1928 | 1927 | 1926 | 1925 |
|---|---|---|---|---|
| Java | **3** | 1 | 1 | — |
| Jugoslavio | **6** | 5 | 3 | 2 |
| Kanada | - | 1 | 1 | 3 |
| Latvio | **7** | 3 | 2 | 1 |
| Litovio | **6** | 8 | 4 | 6 |
| Nederlando | **14** | 6 | — | — |
| Norvegio | — | — | 1 | 1 |
| Nov Zelando | **1** | 1 | 1 | 1 |
| Polio | **15** | 10 | 9 | 11 |
| Portugalio | **1** | 1 | 1 | 1 |
| Palestino | — | — | 1 | 1 |
| Rumanio | **1** | — | — | — |
| Rusio | **92** | 76 | 52 | 41 |
| Svedio | **46** | 13 | 3 | 2 |
| Svisio | **4** | 5 | 2 | 2 |
| Turkio | **1** | — | — | — |
| Uruguay | — | | 2 | 2 |
| Usono | **5** | 1 | 1 | 2 |
| | **375** | 251 | 188 | 181 |
| Germanio | **123** | 115 | 98 | 86 |
| Saksio | **302** | 264 | 225 | 240 |
| | **800** | 630 | 511 | 507 |

Per tiu bona rezulto efektiviĝis plene niaj esperoj esprimitaj antaŭ unu jaro.

Ankoraŭ ĉe la pinto marŝas la Saksa Asocio (304), sekvas la germana (124), la rusa (92), la ĉeĥoslovaka (68), la sveda (46), la bulgara (20) ktp. La kreskon de la sveda nombro ni dankas al la propagandlaboro de samideanoj

# *Sendu tuj vian reabonon!*

Ĉe kaj Malmgren. Atentinde estas, ke la unuan fojon la nombro de la ne-germanaj abonantoj superas tiun de la Saksoj. Ni salutas tiun fakton. Kaj la Saksoj sincere ĝojos, se en ĉiu de la menciitaj 33 landoj TAGE havos 300 membrojn,

Por la nova jaro ni esperas grandan progreson de nia movado, ĉar 1929 estas la

Jaro de 3 Internaciaj Instruistaj Kongresoj,

kiuj diskutos kaj parte aplikos Esperanton:

Mondfederacio de Edukasocioj en Ĝenevo,
Internacia Laborrondo por Nova Edukado en Helsingvor,
Federacio Internacia de Asocioj Instruistaj (FIAI) ankaŭ en Ĝenevo.

## Se vi volas helpi la propagandon —

Ju pli granda estas TAGE, des pli efike ni povas influi la laborojn kaj la decidojn de tiuj Kongresoj. Ĉiu Esperanto-Instruisto, kiu restas for el nia TAGE, malatentas propagandi Esperanton en la plej konvena okazo. Artikolo de P. B. en n-ro 37, 1928 de Heroldo de Esperanto mencias la propagandan valoron de la Esperanto-fakrevuoj: „Laŭ sperto la alsendo de tia fakgazeto al ne-esperantista asocio pli bone efikas, ol propagandbroŝuroj kaj paroloj.“ Tute prave! Ankaŭ la instruistaj asocioj — kaj speciale ili — ne volas aŭdi kaj legi niajn propagandparolojn, ili volas vidi faktojn. Tiujn faktojn ni montru dum la Internaciaj Instruistaj Kongresoj per forta TAGE kaj per atentinda fakgazeto IPR. La progreso de Esperanto inter la instruistaro dependas de la fortoj de la organizacio de la Esperanto-Instruistoj:

**La ĝusta propagando estas la aliĝo al TAGE.**

Plua tre favora fakto por la prospero de nia movado estas, ke la redakcion de IPR surprenis d-ro Riedel, docento de la Pedagogia Instituto-Dresden, konata scienculo kaj ŝatata funkciulo en la Saksa Instruista Asocio. Ni povas esperi, ke pli alta nivelo de la gazeto altiros novajn amikojn.

Pluan bonŝancon vi vidas en la densaj interrilatoj de la saksaj Esperanto-instruistaroj al la Saksa Instruista Asocio, al la Saksa Ministerio por Ekonomio kaj al la Saksa Ministerio por Popolklerigo. Tio estas la merito de nia nelacigebla amiko Hahn. La lasta ĉefkunveno de la saksaj Esperanto-instruistaroj jam faris gravajn decidojn por plene eluzi tiun situacion dum la ĉefkunveno de la granda Germana Instruista Asocio (150.000 membroj), kiu diskutos la problemon „Repacigo de la popoloj“. Same sukcesiga por ni ĉiuj en TAGE estas la fakto, ke la tiel nomata „Kunlaborado“ de IALA kaj Instituto J. J. Rousseau kun la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko estas ligita kun nia laboro per tre intimaj interrilatoj kun ĝia estro kaj per regulaj monataj konferencoj inter li, la reprezentantoj de nia saksa, germana kaj internacia asocioj de Esperanto-instruistoj kaj nia gazet-komitato. Ĉi tiuj interrilatoj donas por nia laboro multan tre taŭgan materialon kaj bonajn sugestojn.

El tiuj bonŝancoj ni rajtas preni la esperon, ke TAGE daŭrigos sian rapidan kreskon. Se ĉiuj vigle kunlaboras nipovas atingi en 1929 la

**Unuan Milon da Membroj!**

La afero ardas! Ni forĝu ĝin!



**tuj renovigu vian abonon por 1929!**

# Raporto pri Esperanto-kursoj en Stockholmo, gvidataj de Andreo Ĉe dum printempo kaj somero 1928.*)

(Gimnazia rektoro Sam Jansson.)

1. Lernejaj kursoj:
   a) dumonata en popollernejo
   b) lernjara en popollernejo
   c) trimonata en mezlernejo
2. Eksterlernejaj kursoj:
   a) parlamentana kurso
   b) fakoficista kurso
   c) pacifista kurso
   d) miksitaj kursoj
3. Porinstruistaj kursoj:
   a) junia kurso
   c) julia kurso

## I. Lernejaj kursoj.

a) Dumonata kurso en popollernejo.

Kun permeso de la ĉefinspektoro de la stockholmaj popollernejoj Andreo Ĉe faris kurson en unu sesa klaso (sesa lernjaro), en kiu estis 35 lernantoj, knaboj 12—14 jaraj. Tre miksita klaso laŭ lernpovo; laŭprincipe „nebonaj lernantoj" t. e. ili laŭte kaj energie konfesis, ke ili ne ŝatas studi. Kelkaj ($^1/_3$) kun bona intelekto, kelkaj iom subnormalaj. Po dufoje dum 9 semajnoj okazis la lecionoj, ĉiufoje 40 minutojn, en tempo alie uzata por instruo de la sveda gramatiko.

Metodo: la senpera de Andreo Ĉe; do, nenia lernolibro, nur kajero kun krajono.

La ordinara instruisto ne kunhelpis, ne sciante mem la lingvon. Sed ĉeestis la lecionojn aŭ rektoro Jansson aŭ esperantista studento, kiu povus, se necese, per sveda demando rapide kontroli, ĉu la knaboj bone komprenis. Ne ofte estis bezono.

Impresoj dum la instruado: Granda intereso, eĉ pli kaj pli, je ĉiuj pri la nova lingvo kaj pri la fremdlanda instruisto, kiu baldaŭ fariĝis ilia amiko. Mi observis, ke la atento kutime ne estis bona, sed dum la Esperanto-lecionoj ĝi ĉiam pliboniĝis. Nur kelkaj konservis la malbonan kutimon, ne rigardi la tabulon, priatenti kamaradojn ktp. . La intereso pri la nova objekto do bone influis. Certe estas manko en la instruplano je tiu aĝo, ke fremda lingvo ne estas instruata. — La elparolon ili kaptis tre facile kaj korekte (se ili unue aŭdis la vorton, poste vidis ĝin sur la tabulo). Bone efikis, ke Andreo Ĉe unue kelkfoje eldiris la novajn vortojn kaj poste petis la helpon de la knaboj por la skribo sur la nigra tabulo. Treege helpemaj

---

*) Sinjoro rektoro Sam Jansson havis la afablecon, sendi al „Kunlaborado" sian raporton pri la Ĉe-kursoj. Petite de mi, li afable permesis, kopiigi ĝin kaj presigi ĝin en I. P. R., kiu nun prezentas ĝin al nia legantaro tute laŭvorte. Nur la sciigojn pri la dumekzamenaj „notoj" mi ordigis iom alimaniere en tabelo, kiun mi adaptis al la formato de nia gazeto kaj kiun mi starigis je la fino de la „Raporto". D-ro Dietterle.

ili estis kaj per tiu metodo ili rapide lernis distingi la novajn sonojn kaj literojn.

Malrapida progreso permesis al ĉiu bone sekvi. Do ĉiuj, eĉ pro malsano foje forrestintaj kaj postrestintaj, povis sufiĉe lerni por partopreni en la komunaj respondoj, kaj lerni la vortojn pri la enĉambraj objektoj, iliaj kvalitoj kaj faroj. Tion mi povis kontroli, kiam Pastro Ĉe demandis al ĉiu unuopa, kaj de ĉiu ricevis tre kontentigan respondon.

Pri la gramatikaj elementoj precipe la „matematikistoj" montris tujan komprenon. Eĉ pli ol la „lingvistoj", kiuj lernis per imitado. Tiuj tuj ekvidis la finaĵon distingigan kaj klarigis al la aliaj. Dum la dekok lecionoj Ĉe instruis la vortklasojn kun genetivo, dativo, akuzativo kaj artikolo. La akuzativo ne prenis multe da tempo. Plie komparadon de adjektivo, numeralojn, personajn, posesivajn, demonstrativajn kaj demandajn pronomojn, infinitivon, prezenson, imperfekton, futuron kaj imperativon.

Rezulto: Ĉiu do lernis bonan elparolon, provizon de ĉirk. 250 vortoj, kaj preskaŭ la tutan simplan gramatikon; do, la elementojn de nova lingvo. Antaŭ publiko la klaso, are kaj unuope, laŭte kaj kuraĝe respondis sen ia eraro al demandoj, kiuj rilatis la supre nomitajn gramatikajn aferojn. Laŭ opinio de ĉeestantaj superinstruistoj mirinda rezulto. Ĝi do montras: 1. ke oni povas kun bonega rezulto instrui Esperanton al knaboj de tiu aĝo; 2. ke fremdulo sen ia scio pri la enlanda lingvo povas instrui; 3. ke la senpera metodo taŭgas, eĉ superas.

b) Lernjara kurso en popollernejo.

La kurso estis gvidata de instruisto Ernfrid Malmgren, kiu akiris la permeson instrui dum unu semajna horo la svedan gramatikon per helpo de Esperanto. Dum la aŭtuno kaj ĝis 1. Febr. li uzis lernolibron, sed, partoprenante la grandan kurson de Andreo Ĉe, li tuj konvinkiĝis, ke jen la ĝusta metodo por liaj knaboj (11—13 jaraj en 5-a klaso de popollernejo). Li do enŝrankigis la librojn kaj uzis la senperan metodon strikte laŭ la sekvo en la Ĉe-lecionoj. Pro tio mi enkalkulas tiun kurson inter la Ĉe-ajn.

Impreso: Malmgren laŭdegas la metodon tre interesa kaj ĝojiga al ambaŭ partoj: instruisto kaj lernanto. Ĉiuj volonte lernas kaj sopiras malpacience la venontan lecionon. La parencoj tre ŝatas la instruadon.

Rezulto: Je publika ekzameno, en ĉeesto de multaj geinstruistoj kaj 2 ĉefinspektoroj, interparolis kun la knaboj Andreo Ĉe tute libere kaj flue, kvazaŭ li estus mem la klasa instruisto. Kaj la postulita rezulto: almenaŭ egalvalora scio pri la sveda gramatiko estis atingita tiel mirinde, ke la inspektoro de la praktikaj daŭrigaj lernejoj deklaris: „ni devas enkonduki la lingvon en la daŭriga lernejo". Do vera sukceso.

c) Trimonata kurso en mezlernejo.

En mia ĉiujara kurso kun knaboj el la 5-a klaso (8-a lernjaro) de Beskowa lernejo (knaboj 13—15 jaraj), kiuj studis la germanan lingvon dum kvar jaroj, kaj la anglan dum unu, Andreo Ĉe transprenis unu el miaj du lecionoj po semajne dum tri monatoj. Li instruis konversacion laŭ sia

metodo, sed en alia ordo (kun saltoj), ĉar miaj knaboj jam lernis tri monatojn laŭ kursa lernolibro de E. Privat. En tiu kurso mi povis bonege kompari la rezulton kun tiu atingita en kursoj dum pasintaj jaroj.

Impresoj: Grandega intereso, senpacienca atendo de tiaj lecionoj — ili ne venis regule. Kaŭzo estis: ili lernis kvazaŭ lude, dum ŝerca esplorado kaj ekzercado de la gramatikaj sekretoj. La novaj vortoj per la streĉado de lerte ellaboritaj situacioj enradikiĝis en la memoro tiel forte, ke tuj alvokas ilin simila situacio. Jen la klarigo, kial tiu metodo tiom paroligas la lernantojn.

Rezulto: Malgraŭ malpli da laboro tiu klaso montris nekompareble pli grandan emon kaj povon interparoli pri ĉiuj aferoj ordinaraj. Dum la ekzameno Ĉe kaj mi priparolis kun ili cent kaj unu diversajn temojn. Ĉion ili komprenis aŭ divenis, pri ĉio ili volis kaj povis respondi. Do, granda rekompenco por tio, ke ili perdis 15 lecionojn uzotajn por skriba ekzerco, kaj sekve ili ricevis iom malpli belajn notojn en la skriba ekzameno. Mi daŭre uzos la metodon.

## II. Eksterlernejaj kursoj.

a) Parlamenta kurso.

En la Parlamenta Domo mem okazis kurso kun 14 lernvolaj geparlamentanoj, inter ili la stockholma urbestro. La rezulto, sufiĉe malbona, montras, ke la studanto de lingvo, eĉ tiom facila kiom estas Esperanto, tamen bezonas tempon por digesti la studitan, kaj spacon liberan en la intereso. Sama konkludo pri kelkaj partoprenantoj en aliaj kursoj. La pense tro okupitaj, la mense lacaj ne sukcesis. Unu parlamentano tamen akiris — kune kun sia edzino, kiun li samtempe mem instruis hejme — belegan ekzamenan ateston.

b) Fakoficista kurso.

Kelkaj oficistoj ĉe la fakaj asocioj laboristaj aranĝis pro lokaj kaŭzoj specialan kurson kun tre bona rezulto precipe pri parolpovo. Ĉar ili estis sufiĉe viglaj kaj venis kun egalaj antaŭscioj (nome nenia lingvostudado), ili tre regule progresis. Tie montris sin tre efike la grava principo: „Festina lente!" (rapidu malrapide). La intereso estis en tiu grupo la kiel eble plej vigla, kaj ili atingis mirindan parolemon. La skribaj provoj estis malegalaj, de kelkaj bonegaj, de aliaj ne tre bonaj.

c) Pacifista kurso.

Alia grupo kun speciala etiketo, la pacifista, enhavis plimulte da junaj pacifistoj sen lingvoscio. Ankaŭ tie progresis la instruado komence pli malrapide kun bona efiko. Inter ili estis kelkaj tre malfortaj kapoj, kiuj iom fuŝis la rezulton.

d) Miksitaj kursoj.

La kvar aliaj kursoj estis koncerne materialon tre miksitaj. Spertaj lingvistoj kaj malkleraj laboristoj, urbestrinoj kaj senlaboruloj, instruistoj kaj lernantinoj, sesdekjaruloj kaj dekkvinjaraj, oficistoj okupitaj kaj pensionituloj. Pro tia miksaĵo montris sin la konversacia metodo tre taŭga. Ĝi kreis de la komenco amikan familian atmosferon, en kiu floris sprita bonhumoro, gaja parolemo.

Por ĉiuj estis la lecionoj — laŭ ĉies diro — horoj por anima ĝuado, spirita ripozo, al kiuj ili tre sopiris. Do ne gravis la granda diferenco en antaŭaj scioj. Kelkaj eble trovis la progreson tro malrapida — komence — sed ĉar la plimulto devis prizorgi sian ĉiutagan laboron, ili baldaŭ kontentiĝis, kiam sur malrapide sed firme konstruita fundo kreskis sufiĉe vasta konstruaĵo, kiu povis gastigi la plimulton de ordinaraj ideoj.

Ni, interesitaj aŭskultantoj, baldaŭ rimarkis, ke tre malegala estis la konscia percepto de la lingvo. La logikuloj tuj povis apliki la memtrovitajn regulojn. Same kelkaj lingvoscienculoj, kiuj dividis sian admiron inter la genian kreaĵon de Zamenhof kaj la lertan instruiston. Sed la novuloj en lingvostudo, aŭ tiuj, kiuj nur papage lernis aliajn lingvojn nur iom post iom per multaj eraroj faritaj lernis korekte uzi la instruitan. Pro tio pli rapide lernis tiuj, kies libera tempo permesis al ili hejme fari liberajn ekzercojn. Tiuj konsistis en leteroj, historietoj, noveletoj, priskriboj, por kiuj ili rajtis uzi nur la jam lernitan. Treege utila laboro, kiu lernigis al ili eluzi malgrandan vortprovizon por esprimi la plej diversajn ideojn. La „romanoj“ verkitaj restas en la arĥivo al dispono de interesuloj.

Ekzameno: La granda parolemo kaj kapablo, la parte bonegaj skribaĵoj igis nin „testi“ la rezulton. Tiamaniere, ke ni faris tri tekstojn, du esperantajn kaj unu svedan, de tia facileco, kia estas ĝenerale tiu por la unua ekzameno. Unu esperantan tekston rakontis Pastro Ĉe dufoje al ili, kaj poste ili tuj skribis el la memoro en la ĉambro sen ia helpo. Por la du aliaj ili rajtis uzi la vortarojn kaj siajn kajerojn dum la tempo inter du lecionoj en la hejmo. Do la klaslaboro servis kiel kontrolo. Nur ĉe kelkaj, geedzoj aŭ laborkamaradoj, ni konstatis kunlaboron aŭ pli bone ili konfesis mem. Ĉe la aliaj la klaslaboraĵo estis egale aŭ pli bona ol la hejme farita.

La ciferoj, kiuj montras la rezulton, estas tre interesaj. — Mia klaso skribis la saman. Ili servu kiel normo; mi jam diris, ke ili skribis malpli bone kun siaj 50 lecionoj ol la aliaj kun nur 17 duoblaj (90 minutoj).

Buŝa ekzameno — pro kontrolo farita kun kelkaj — montris mirinde bonan rezultaton. La gramatikon ili bonege sciis, same la vortfaradon, kaj interparolis volonte kaj flue per sia negranda vortprovizo (500). Post kelka studo de literaturo ili ĉiuj fariĝos lertaj Esperantistoj.

### III. Porinstruistaj kursoj.

La bonega rezulto de la eksterlernejaj kaj lernejaj kursoj tiom favorigis la gvidantojn de la instruistaro sveda, ke ili tiuj akceptis nian proponon alvoki la tutan landon al someraj rapidkursoj. La spertoj dum la jam faritaj kursoj pruvis, ke bonega rezulto estas atingebla per 20 lecionoj. Ĉu tiel belaj, se kurso daŭros nur 10 tagojn? Ni esperis. Ni do anoncis pri kursoj de 11 tagoj krom enestanta dimanĉo, dum kiuj la lernantoj ricevos la povon paroli fremdan lingvon. Aliĝis ĉirk. 50 el ĉiu parto de la lando. La printempaj kursoj jam enhavis 25 stockholmajn geinstruistojn.

El tiuj 50 ĉirk. 20 iom lernis la lingvon antaŭe, sed deziris studi la metodon kaj akiri parolkapablon. La aliaj sciis eĉ ne unu vorton antaŭ la unua leciono. Lernolibroj malpermesitaj, sed la sperto de printempaj kursoj montris, ke la svedoj pli bone lernas, se samtempe ili ekzercas skribe.

Do depost la sesa leciono Pastro Ĉe instigis al libervola hejma verkado per la malgranda vortprovizo akirita. Dum tiuj kursoj li ellaboris ĝis perfekteco sian instrumetodon laŭ sveda bezono, tiel ke la por svedoj malfacilaj partoj ricevis pli da spaco. La ekzemploj unuaj estis elektitaj kun la principo, ke la sveda lingvo donu facile troveblan esprimon laŭvortan, por ne fuŝi la percepton per neklareco.

Kun vera ĝuo la instruistoj-lernantoj sekvis la demonstradon de la logika lingvo, kun admiro ili aŭskultis kaj rigardis, kiel genia — kongeniala — instruisto kvazaŭ elvokis el la interno de sia lernantaro la kreaĵon de alia geniulo (D-ro Zamenhof). En ĉiu vekiĝis la decido uzi en sia klaso tiun ilon por logika pensformado en tiel alloga formo, precipe kiam la „direktoro" de la kursoj, E. Malmgren, rakontis pri sia jam farita eksperimento en popollerneja klaso kaj deklaris, ke malsukceso estas neebla.

Baldaŭ ni vidis, ke la rezulto de tiu 11-taga kurso estos egale bona kiel de la 11-semajna, kaj aranĝis ekzamenon kun samaj testoj pro komparo.

Pri la rezulto kelkajn klarigajn vortojn:

1. Tiuj, kiuj jam lernis iom de la lingvo, bonege sukcesis.
2. Tiuj, kiuj ne lernis „ „ „ „ „ „ , se ili skribe ekzercis.
3. Tiuj, kiuj ne lernis „ „ „ „ , ne bone sukcesis.
4. Kvar partoprenis ambaŭ kursojn kaj treege progresis.
5. Kelkaj instruistinoj por infanetaj klasoj nur malfacile povis sekvi.
6. Unu knabino 12-jara kaj unu 15-jara, kiuj jam studis la germanan 2 jarojn kaj la anglan 1 jaron ricevis la notojn 2, 1, 2 kaj 3, 3, 3.

La plej bonan ateston pri la sukceso donas la dankskribo de la partoprenintoj al la geinstruistaj asocioj, kiuj aranĝis la kursojn. Mi citas: „. . . . . . . . . La pedagogian konstruadon de la instrumaterio ni admiris kiel majstran dum la tuta kurso. La scioj, kiujn ni ricevis dum 10 tagoj ŝajnas al ni mirinde grandaj. Al la invitintoj de tiuj kursoj ni do esprimas nian koran dankon. Aranĝitaj kun la celo doni al ni la elementojn kaj sufiĉe grandan parolkapablon de nova lingvo, la kursoj krom tio donacis al ni ekkonon de gramatika sistemo tiel admirinda, ke ĝi nepre fariĝas netaksebla helpo por la instruado de aliaj lingvoj. Al nia danko ni kunligas la esperon, ke similaj kursoj estos aranĝataj ankaŭ dum venontaj jaroj."

Tabelo pri la notoj.

| Nombro de la grupo: | | anaro: | A. Traduko el Esp. notoj: III. | II. | I. | B. Trad. al Esp.: III. | II. | I. | C. Rakonto: III. | II. | I. |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1. | | 16 | — | 2 | 6 | — | 8 | 5 | — | 5 | 10 |
| 2. | *) | 14 | 1 | — | — | 1 | — | — | 1 | — | — |
| 3. | | 15 | 6 | 9 | — | 3 | 2 | 5 | 2 | 3 | 6 |
| 4. | | 15 | 11 | 4 | — | 4 | 1 | 7 | 3 | 4 | 6 |
| 5. | | 24 | 17 | 4 | — | 10 | 11 | — | 9 | 2 | 5 |
| 6. | | 33 | 20 | 10 | 3 | 10 | 8 | 3 | 10 | 9 | 5 |
| 7. | | 29 | 17 | 6 | — | 10 | 2 | 1 | 11 | — | 4 |
| 8. | | 19 | 16 | 1 | — | 11 | 2 | 1 | 8 | 4 | 1 |
| 9. | **) | 33 | 24 | 6 | — | 18 | 5 | 4 | 24 | 2 | 1 |
| 10. | ***) | 17 | 10 | 4 | — | 8 | 2 | 4 | 10 | 2 | 2 |

*) nur unu el la 14 personoj partoprenis
**) 1 forestis, 2 ne volis
***) 1 forestis, 2 ne volis.

Rimarkigoj al la tabelo:

1. Klaso de rektoro Jansson
2. Parlamenta grupo
3. Pacifista grupo
4. Oficista grupo
5. Beskowa grupo (4)
6. Beskowa grupo (6)
7. Suda grupo (6)
8. Suda grupo (8)
9. Julia instruista kurso
10. Junia instruista kurso

La notoj esprimitaj per la ciferoj III. II. I. signifas:

III. (plej bona noto) = sen eraroj
II. = 1 — 3 eraroj
I. = 4 — 6 eraroj

La aliaj personoj, pri kiuj ne estas donitaj ciferoj, faris nekontentigan laboron kun pli ol 6 eraroj. (Tamen la „rakonton“ ĉiuj en ĉiuj grupoj komprenis, escepte po unu.)

La tekstoj por la „tradukoj“ estas presitaj en „Svenska Esperantotidningen“.

Sam Jansson, rektoro de Gimnazio.
Stockholm, 1. Aŭgusto 1928.



## Esperanto en la lernejojn.

La Registara Komisiono de la Saar-teritorio efektivigis sian intencon aranĝigi Esp.-kurson por geinstruistoj de la pli altaj kaj mezaj lernejoj de la Saar-teritorio.

Anoncis sin pli ol 50 personoj, inter ili unu direktoro. La granda nombro kaŭzis, ke oni funkciigas du kursojn. La vojaĝkostojn por la partoprenantoj ne loĝantaj en la urbo Saarbrücken mem pagas la kaso de la Reg. Komisiono. Gvidanto estas Prof. Kricker.

Konsiderante, ke jam depost kelkaj monatoj okazas ĉi tie kurso vizitata nur de instruistoj de popollernejoj [gvidas ĝin sup. instr. Krämer, prez. de ELSA (Esperanto-Ligo Saarteritoria)], oni devas konstati, ke nia movado marŝas ĉi tie, kaj ke ĝi ekhavos belajn fruktojn en estonteco. Ĉar, kiel ofte dirite, la vojo al ĝenerala disvastigo de l' mondhelplingvo grandparte iras tra la lernejoj ĉiaspecaj.

P. Kr.

El Heroldo, N-o 41.



# IALA

„Provizora Raporto de CALS por la Gepatra Ligo en New York".

(Pri Instruo de Helplingvo en Lernejoj.)

CALS estas malplilongiga esprimo por „**C**ommitee on **A**uxiliary **L**anguage **S**tudy", kiu en interligo kun IALA havas la celon, veki intereson por la studado de internaciaj helplingvoj kaj subteni la esplorojn kaj eksperimentojn rilate ĝiajn edukajn valorojn, por fine eltrovi la lingvon, kiu povas esti rekomendata kiel la plej bona helpilo por internacia kompreno. Ĝi jam enketis pri diversaj mondhelplingvaj sistemoj kaj raportis por la Gepatra Ligo (Parents League) en New York en tre instrua kaj interesa broŝuro kun la titolo:

„A Preliminary Investigation of the Teaching of Auxiliary Languages in Schools."

A Report to the Council of the Parents League of New York 1927

(Provizora Enketo pri la instruo de helplingvoj en lernejoj. Raporto al la konsilantaro de la Gepatra Ligo en New York.)

verkita de: S. P. Duggan. Prezo: 35 centoj.

Pri la broŝuro mi jam detale raportis en IPR 1928, numeroj IV/V, paĝ. 14—16, en mia artikolo pri „IALA", paĝ. 6—17.*)

Ĝi — angle verkita — estas tre valora por ĉiuj kolegoj, kiuj propagandas la ideon de enkonduko de mondhelplingvo en lernejoj, ĉar ĝi montras antaŭ ĉio la bonajn sukcesojn de Esperanto en lernejoj, kaj la provizoraj enketoj de CALS jam konstatas la diversajn pedagogiajn kaj edukajn valorojn de Esperanto. Tiamaniere ĝi prezentas tre taŭgan propagandilon.

Por faciligi la disvastigon de la broŝuro, CALS koncedis specialan malplialtigitan prezon de 15 centoj = 60 germanaj pfenigoj por la Eŭropaj gekolegoj.

Kiu interesiĝas pri ĉi tiu broŝuro, turnu sin (aldonante la monon) rekte al la sekretariino de „Kunlaborado":

f-ino Martha Moelke en Sommerfeld,
Nieder-Lausitz, Germanujo.



## Raporto pri la ĝisnunaj Enketoj por IALA.

Martha Moelke, Sekretariino de „Kunlaborado".

En numero I, 1928, paĝ. 3-5 de „Internacia Pedagogia Revuo" ni atentigis kaj en numero IV-V, 1928, paĝ. 5-17 ni raportis pri la esenco kaj la celoj de IALA kaj ĝia ĝisnuna laboro. Ni ankaŭ klarigis la celon de nia „Kun-

*) Ĉar oni ofte petis min speciale pro la alsendo de ĉi tiu broŝuro, mi ĉi tie raportas pri la ebleco, aĉeti ĝin rekte ĉe la sekretariino de „Kunlaborado".

laborado", kiu klopodas, havigi al I A L A ĉiun materialon necesan rilate Esperanton. Ni promesis raporti al la gekolegoj pri la sukcesoj de niaj enketoj.

Ili komenciĝis fine de oktobro 1927. Ni anoncis nian laboron al 35 naciaj asocioj, petante de ili adresojn de Esperanto-instruistoj kaj sendis al 68 gazetoj malgrandajn artikolojn pri I A L A kaj „Kunlaborado". El la naciaj asocioj respondis nur 25, kaj el la gazetoj aperigis nian artikolon bedaŭrinde nur 8. Samtempe ni kolektis ĝis fine de Decembro 1927 sur la bazo de alia materialo la adresojn de 1781 geinstruistoj el 42 landoj. Al iliaj adresoj ni sendis demandarojn laŭ jena modelo:

**Demandaro**
**por kolegoj esperantistaj.**

1. lando?
2. loko?
   (skribu vian lokon laŭ via **nacia** kutimo, sed per **latinaj** literoj)
3. strato kaj numero?
4. familia nomo kaj antaŭnomo?
5. ĉu vi volas esti rigardata kiel Esperantisto?
   (simpla jes aŭ ne)
6. a) ĉu vi jam instruis Esperanton en iu ajn lernejo?
   (simpla jes aŭ ne)
   b) ĉu vi instruas ankoraŭ nuntempe?
   c) ĉu vi instruos baldaŭ?
7. (al 6a-c) en kiu lernejo?
   a) mi instru**is** en
   b) mi instru**as** en
   c) mi instru**os** en
8. ĉu vi estos preta, helpi en via lernejo la eksperimentojn sur la bazo de testoj?
   (simpla jes aŭ ne)

(Skribu viajn respondojn, mi petas, tre legeble. Ili servos antaŭ ĉio por la konstato de la nombro de niaj kolegoj Esperantistaj kaj devas doni la eblecon por plua korespondado kun vi.)

P. S. Estos praktike, sendi vian respondon en la apudmetita koverto rekte al la sekretariino por la „Kunlaborado": Fraŭlino Martha Moelke en Sommerfeld.

Al la demandaro ni aldonis

1. malgrandan raporton pri I A L A kaj
2. specialan leteron de D-ro Dietterle, en kiu li atentigas pri la graveco de la enketoj por I A L A kaj petas seriozan kunlaboradon.

La rezultaton de ĉi tiu enketo montras la ĉi-suba tabelo A. En ĉi tiu tabelo signifas:

I = lando, al kiu ni sendis leterojn

II = nombro de la senditaj leteroj

III = nombro de la gekolegoj, kiuj respondis la demandaron

IV = nombro de la gekolegoj, kiuj promesis kunlabori sur la bazo de testoj.

Ĉi tiu tabelo rilatas la staton je la 1. 4. 1928.

## Tabelo A

| I | II | III | IV |
|---|---|---|---|
| 1. Alĝerio | 1 | 1 | — |
| 2. Maroko | 1 | 1 | — |
| 3. Nov-Zelando | 1 | 1 | 1 |
| 4. Sirio | 1 | 1 | 1 |
| 5. Turkujo | 1 | 1 | 1 |
| 6. Saarteritorio | 3 | 2 | — |
| 7. Lib. Urb. Danzig | 2 | 1 | — |
| 8. Nederl. Hind. | 6 | 3 | 2 |
| 9. Skotlando | 10 | 5 | 5 |
| 10. Nederlando | 27 | 13 | 9 |
| 11. Finnlando | 16 | 7 | 7 |
| 12. Aŭstrujo | 35 | 13 | 10 |
| 13. Estonujo | 8 | 3 | 2 |
| 14. Latvujo | 8 | 3 | 3 |
| 15. Rusujo | 188 | 71 | 52 |
| 16. Hispanujo | 11 | 4 | 3 |
| 17. Ĉeĥoslovakujo | 140 | 49 | 33 |
| 18. Litovujo | 15 | 5 | 4 |
| 19. Bulgarujo | 26 | 8 | 6 |
| 20. Ĉinujo | 10 | 3 | 3 |
| 21. Saksujo | 481 | 145 | 73 |
| 22. Jugoslavio | 17 | 5 | 3 |
| 23. Hungarujo | 7 | 2 | 2 |
| 24. Svedujo | 25 | 7 | 4 |
| 25. Svisujo | 15 | 4 | 2 |
| 26. Germanujo (sen Saksujo) | 438 | 111 | 47 |
| 27. Anglujo | 38 | 8 | 3 |
| 28. Danujo | 19 | 4 | — |
| 29. Polujo | 85 | 19 | 13 |
| 30. Francujo | 69 | 11 | 3 |
| 31. Japanujo | 17 | 3 | 1 |
| 32. Norvegujo | 6 | 1 | — |
| 33. Italujo | 18 | 2 | 2 |
| 34. Rumanujo | 10 | 1 | 1 |
| 35. Belgujo | 16 | 1 | — |
| 36. Sudafriko | 1 | — | — |
| 37. Aŭstralio | 1 | — | — |
| 38. Egiptujo | 1 | — | — |
| 39. Irlando | 4 | — | — |
| 40. Islando | 1 | — | — |
| 41. Madagaskaro | 1 | — | — |
| 42. Portugalujo | 1 | — | — |
| 42 landoj | 1781 | 519 | 296 |

El ĉi tiu tabelo vi vidas, ke 296 geinstruistoj promesis kunlabori (sed ne ĉiuj tuj povas labori - pro tre diversaj kialoj), uzonte la testojn, kiujn ellaboris S-ro Prof-ro D-ro Bovet en Genève. Ĉiu testaro de Prof-ro Bovet konsistas el 4 testoj, kun instrukcio por la instruisto, kaj enhavas po 13 foliojn. Ni sendis al ĉiu kunlaboranto po 10 ekzemplerojn de la tuta testaro kun 1 instrukcio kaj unu speciala letero de D-ro Dietterle, do entute 6930 foliojn al 165 kunlaborantoj el 28 landoj.

Pri la stato de ĉi tiu afero informas la ĉi-suba tabelo B. En ĉi tiu tabelo signifas:

I = lando
II = nombro de la kunlaborantoj
III = nombro de la forsenditaj testfolioj
IV = nombro de la poste ĉe ni menditaj testfolioj
V = nombro de la ne plenigitaj folioj resenditaj
VI = nombro de la folioj prilaboritaj kaj jam resenditaj.

Ĉi tiu tabelo rilatas la staton je la 1. 8. 1928.

Tabelo B

| I | II | III | IV | V | VI |
|---|---|---|---|---|---|
| 1. Saksujo | 44 | 1760 | 68 | 184 | 87 |
| 2. Rusujo | 28 | 1120 | 48 | — | — |
| 3. Germanujo (sen Saksujo) | 26 | 1040 | 28 | 90 | 26 |
| 4. Ĉeĥoslovakujo | 14 | 560 | — | 40 | 40 |
| 5. Finnlando | 5 | 200 | — | — | — |
| 6. Aŭstrujo | 4 | 160 | — | — | 8 |
| 7. Bulgarujo | 4 | 160 | — | 4 | 32 |
| 8. Polujo | 4 | 160 | — | — | — |
| 9. Svedujo | 4 | 160 | — | — | — |
| 10. Anglujo | 3 | 120 | — | — | 36 |
| 11. Francujo | 3 | 120 | — | — | — |
| 12. Ĉinujo | 3 | 120 | — | — | 4 |
| 13. Estonujo | 2 | 80 | — | — | 56 |
| 14. Hispanujo | 2 | 80 | — | — | — |
| 15. Japanujo | 2 | 80 | 40 | — | — |
| 16. Latvujo | 2 | 80 | 60 | — | 60 |
| 17. Litovujo | 2 | 80 | — | 17 | 23 |
| 18. Saarteritorio | 2 | 80 | — | — | — |
| 19. Skotlando | 2 | 80 | — | — | — |
| 20. Italujo | 1 | 40 | — | — | — |
| 21. Jugoslavio | 1 | 40 | — | — | — |
| 22. Nederlando | 1 | 40 | — | — | — |
| 23. Nederl. Hind. | 1 | 40 | — | 36 | — |
| 24. Rumanujo | 1 | 40 | — | — | — |
| 25. Sirio | 1 | 40 | — | — | — |
| 26. Svisujo | 1 | 40 | — | — | — |
| 27. Turkujo | 1 | 40 | — | — | — |
| 28. Hungarujo | 1 | 40 | (ne instruisto) | | |
| | 165 | 6600 | 244 | 371 | 372 |
| instrukc. de prof-ro Bovet | | 165 | | | |
| leteroj de D-ro Dietterle | | 165 | | | |
| | | 6930 | | | |

Kompreneble ni ankoraŭ devas atendi kelkajn monatojn aŭ eĉ pli longe — ĝis kiam ni estos rericevintaj ĉiujn testojn.

El la rericevitaj demandaroj ni povis konstati la jenan situacion rilate la nombron de la geinstruistoj, kiuj raportis, ke ili

1. instruis 2. instruas 3. instruos

nian lingvon en lernejoj. Ni donas superrigardon super la situacio en tabelo C. En ĉi tiu tabelo signifas:

I = lando
II = nombro de la gekolegoj, kiuj instruis aŭ dum la lasta jaro aŭ jam antaŭe

III = nombro de la gekolegoj, kiuj instru**as** nun dum 1928
IV = nombro de la gekolegoj, kiuj instru**os** certe
V = nombro de la gekolegoj, kiuj instru**os** eble.

Ĉi tiu tabelo rilatas la staton je la 1. 4. 1928.

Tabelo C

| I | II | III | IV | V |
|---|---|---|---|---|
| 1. Saksujo | 86 | 44 | 17 | 39 |
| 2. Germanujo (sen Saksujo) | 66 | 31 | 12 | 20 |
| 3. Rusujo | 47 | 48 | 22 | 10 |
| 4. Ĉeĥoslovakujo | 26 | 13 | 12 | 9 |
| 5. Aŭstrujo | 9 | 6 | 3 | 5 |
| 6. Polujo | 8 | — | 4 | 8 |
| 7. Finnlando | 6 | 3 | 4 | — |
| 8. Francujo | 6 | 1 | 3 | 3 |
| 9. Anglujo | 5 | 5 | — | 1 |
| 10. Bulgarujo | 5 | 3 | 2 | 1 |
| 11. Nederlando | 3 | 4 | 1 | 3 |
| 12. Litovujo | 4 | 2 | 3 | 1 |
| 13. Svedujo | 2 | 4 | 3 | — |
| 14. Hispanujo | 3 | 3 | 2 | 1 |
| 15. Ĉinujo | 3 | 3 | 2 | — |
| 16. Estonujo | 3 | 1 | 2 | — |
| 17. Italujo | 2 | 2 | 2 | — |
| 18. Skotlando | 3 | 3 | — | — |
| 19. Latvujo | 2 | 2 | 1 | — |
| 20. Jugoslavio | 1 | 1 | 2 | — |
| 21. Japanujo | 1 | 1 | 1 | 1 |
| 22. Nederlanda Hind. | 1 | 1 | — | 2 |
| 23. Svisujo | 3 | 1 | — | — |
| 24. Danujo | 1 | 1 | — | 1 |
| 25. Rumanujo | 1 | 1 | 1 | — |
| 26. Sirio | 1 | 1 | 1 | — |
| 27. Turkujo | 1 | 1 | 1 | — |
| 28. Hungarujo | 1 | — | — | 2 |
| 28 landoj | 300 | 186 | 101 | 107 |

Ĉi tiu tabelo enhavas ciferojn, kiuj estas tute ne kompletaj, ĉar ĝis nun ni nur povis skribi al 1781 gekolegoj, el kiuj multaj ne respondis, kaj certe inter la adresoj, kiujn ni kolektis dum la plua laboro, estas multaj gekolegoj, kiuj aŭ **instruis**, aŭ instru**as** aŭ instru**os** Esperanton en lernejoj. Cetere la ciferoj facile povos erarigi, ĉar oni devas pripensi, ke sub II jam estas enhavataj parto de III kaj IV, respektive V.

Ŝajne la movado malprogresis, sed fakte ĝi progresis kaj progresas. Tion oni povas pruvi post novaj enketoj, kiam ankaŭ ĉi tiuj estos raportintaj, kiuj ĝis nun ne raportis.

Ni tre urĝe petas, ke la gekolegoj, kiuj legas „IPR“, nepre raportu al ni, se ili ĝis nun ne raportis pri la fakto, ke ili instru**is**, instru**as** aŭ instru**os** en lernejoj.

Tiaj raportoj nur tiam estos sufiĉe taŭgaj, kiam la gekolegoj samtempe tute precize raportos pri la nomo kaj speco de la koncerna lernejo, en kiu ili instru**is**, aŭ instru**as**, aŭ instru**os**.

Laŭ la ricevitaj respondoj ni pri lernejoj povas konstati en tabelo Ĉ la situacion je la 1. 4. 1928:

En ĉi tiu tabelo signifas:

I = lando
II = lernejoj, en kiuj oni instruis Esperanton
III = lernejoj, en kiuj oni instruas nun
IV = lernejoj, en kiuj oni instruos baldaŭ.

Tabelo Ĉ

| I | II | III | IV |
|---|---|---|---|
| 1. Saksujo | 134 | 40 | 36 |
| 2. Germanujo (sen Saks.) | 84 | 35 | 23 |
| 3. Rusujo | 41 | 33 | 21 |
| 4. Ĉeĥoslovakujo | 26 | 13 | 16 |
| 5. Aŭstrujo | 7 | 12 | 5 |
| 6 Polujo | 7 | 3 | 8 |
| 7. Finnlando | 7 | 2 | 4 |
| 8. Anglujo | 5 | 4 | 3 |
| 9. Bulgarujo | 4 | 4 | 3 |
| 10. Ĉinujo | 3 | 7 | 1 |
| 11. Francujo | 6 | 2 | 1 |
| 12. Nederlando | 3 | 4 | 2 |
| 13. Japanujo | 3 | 2 | 3 |
| 14. Svedujo | 2 | 3 | 3 |
| 15. Estonujo | 4 | 1 | 2 |
| 16. Litovujo | 3 | 1 | 3 |
| 17. Hispanujo | 2 | 3 | 1 |
| 18. Italujo | 2 | 3 | 1 |
| 19. Danujo | 2 | 3 | — |
| 20. Skotlando | 2 | 2 | 1 |
| 21. Svisujo | 2 | 2 | 1 |
| 22. Belgujo | — | 4 | — |
| 23. Jugoslavio | 1 | 2 | 1 |
| 24. Latvujo | 3 | 1 | — |
| 25. Sirio | 1 | 2 | 1 |
| 26. Hungarujo | — | 2 | 1 |
| 27. Rumanujo | 1 | 1 | 1 |
| 28. Nederlanda Hind. | 1 | — | 1 |
| 29. Armenujo | — | 1 | — |
| 30. Islando | — | 1 | — |
| 31. Nov-Zelando | — | 1 | — |
| 32. Saarteritorio | — | — | 1 |
| 33. Turkujo | — | 1 | — |
| 33 landoj | 356 | 195 | 144 |

Kompreneble ni ne kontentiĝis kun la stato je la 1. 4. 1928 — mi regule kontrolis la Esperanto-gazetaron kaj, irante tre diversajn vojojn, kolektis konfidindajn adresojn de gekolegoj Esperantistaj.

Ĝis la 1-a de Aŭgusto de ĉi tiu jaro mi kolektis 3582 adresojn el 52 landoj. La kartoteko ĉiutage kreskas kaj verŝajne ni baldaŭ atingos la ciferon 4000.

Kiamaniere ĉi tiuj ciferoj dispartiĝas, tion vi povas vidi el tabelo D.

En ĉi tiu tabelo signifas:

I = lando
II = nombro de Eperanto-instruistoj en la koncerna lando.

# Tabelo D

| I | | II |
|---|---|---|
| 1. | Saksujo | 877 |
| 2. | Germanujo (s. Saksujo) | 682 |
| 3. | Rusujo | 326 |
| 4. | Aŭstrujo | 263 |
| 5. | Ĉeĥoslovakujo | 226 |
| 6. | Anglujo | 142 |
| 7. | Rumanujo | 117 |
| 8. | Polujo | 94 |
| 9. | Francujo | 89 |
| 10. | Bulgarujo | 86 |
| 11. | Svedujo | 68 |
| 12. | Belgujo | 67 |
| 13. | Finnlando | 66 |
| 14. | Jugoslavio | 62 |
| 15. | Nederlando | 60 |
| 16. | Litovujo | 37 |
| 17. | Hungarujo | 36 |
| 18. | Danujo | 33 |
| 19. | Japanujo | 33 |
| 20. | Estonujo | 30 |
| 21. | Italujo | 28 |
| 22. | Svisujo | 22 |
| 23. | Skotlando | 20 |
| *24. | Usono | 19 |
| 25. | Hispanujo | 16 |
| 26. | Ĉinujo | 12 |
| 27. | Irlando | 11 |
| 28. | Latvujo | 10 |
| 29. | Libera Urbo Danzig | 8 |
| 30. | Nederlanda Hindujo | 6 |
| 31. | Norvegujo | 6 |
| 32. | Saarteritorio | 6 |
| 33. | Argentino | 2 |
| 34. | Aŭstralio | 2 |
| 35. | Brazilio | 2 |
| 36. | Nov-Zelando | 2 |
| 37. | Sudafriko | 1 |
| 38. | Alĝerio | 1 |
| 39. | Bolivio | 1 |
| 40. | Ĉilio | 1 |
| 41. | Egiptujo | 1 |
| 42. | Hindujo | 1 |
| 43. | Islando | 1 |
| *44. | Kanado | 1 |
| *45. | Kubo | 1 |
| 46. | Maroko | 1 |
| 47. | Portugalujo | 1 |
| 48. | Sirio | 1 |
| 49. | Insulo Tasmanio | 1 |
| 50. | Turkujo | 1 |
| 51. | Urugvajo | 1 |
| 52. | Madagaskaro | 1 |
| 52 | landoj | 3582 |

*) Pri Usono kaj Nordameriko IALA decidis enketi mem. Do, ĉi tiu teritorio ne apartenas al nia propra laborkampo. Poste ni certe povos doni la ciferojn de la tuta komuna enketo. Ĉi tie ni tamen citas la ciferojn, havigitajn al ni dum nia komenca laboro, por montri, ke ankaŭ en Usono kaj la cetera norda Ameriko ekzistas Esperanto-instruistoj.

Mi treege petas, ke ĉiuj gekolegoj klopodu, sendi al ni la precizajn adresojn de ĉiuj gekolegoj, pri kiuj ili supozas, ke ni ĝis nun ne havas ties adresojn.

Mi ĉiutage kompletigas mian kartotekon kaj verkas adresaron, kiun mi disponigos al la redakcio de nia gazeto „Internacia Pedagogia Revuo". Se estos eble, je la fino de ĉi tiu jaro la redakcio aperigos ĉi tiun adresaron, por ke nia kolegaro havu superrigardon, kiu ebligas korespondadon kun la kolegoj diverslandaj, ŝanĝadon de adresoj por la aranĝo de korespondado de la infanoj ktp.

Cetere tia adresaro estos taŭga propagandilo, por montri la amplekson de la Esperanto-movado inter la tutmonda instruistaro.

Tia adresaro fariĝu la bazo por la kontrolo, kiuj adresoj ĝis nun ne estas konataj al ni.

Post kiam ni dum multaj jaroj ne havis kompletan kaj konfidindan materialon rilate nian movadon inter la instruistaro kaj rilate la tutan temon „Esperanto kaj Lernejo" ni esperas, havigi kaj al IALA kaj al la gekolegoj tion, kion ambaŭ nepre bezonas. La abonantoj de „IPR" bonvolu subteni nian „Kunlaboradon" per ĉiuj fortoj.

(Sendu vian materialon al jena adreso: F-ino Martha Moelke, Sommerfeld, Nieder-Lausitz, Germanujo!)



Traduko
el
## „Moderna Lernado de Lingvoj"
(Modern Language Learning)

de J. J. Findlay, M. A., M. Ed., Ph. D., honoraria profesoro por Edukado ĉe la Universitato de Manchester.

Martha Moelke.

Antaŭ nelonge aperis nova libro de J. J. Findlay, M. A., M. Ed., Ph. D. honoraria profesoro ĉe la universitato Manchester, titolita „Modern Language Learning" (Moderna Lernado de Lingvoj) en „The Gregg Publishing Company Ltd., Kern House, Kingsway, London W. C. 2 (XIV, 130 paĝ.). Ĝi estas tre interesa kaj grava „kontribuo" al la metodologio de lernado de fremdlingvoj, frukto de longaj sperto kaj studo. Ne estas eble ĉi tie skizi la tutan enhavon de la libro; mi nur atentigas, ke la aŭtoro interalie tre urĝe pledas:

1. por la uzado de fonetika alfabeto sur la bazo de stenografiaj signoj (precipe laŭdante kaj uzante la sistemon Gregg)
2. por la uzado de gramofondiskoj (intertempe en Londono aperis tiaj diskoj laŭ la Findlay'a metodo)
3. por arta lingvo, kiel bazo de fremdlingva instruo kaj kiel bonega helpilo dum ĉi tiu instruo.

Ĉi tiuj partoj de la libro, en kiuj li rekomendas Esperanton kiel unuan fremdlingvon, estas kompreneble precipe interesaj por la legantaro de IPR, kiu certe ĝojos, aŭdi tion, kion diras la angla pedagogia scienculo pri la valoro de Esperanto rilate la instruon de fremdaj lingvoj, ĉar li konstatas tion, kion ni jam ofte konstatis dum nia praktiko.

Ni havas la honoron, scii Prof-ron D-ron Findlay inter la „kunlaborantoj" de nia gazeto. Demandite, ĉu li permesos, doni en IPR la ĉefan ĉapitron IX de la libro, en kiu li parolas speciale pri Esperanto, li volonte konsentis kaj nun F-ino Moelke prezentas ĝin en Esperanto al nia legantaro.

D-ro Dietterle.

Ĉapitro IX (paĝ. 87-98)

## Esperanto kiel unua fremda lingvo.

La raporto de la Brita Asocio.

La aŭtoro konatiĝis kun Esperanto per tute unutona okazo. Dum multaj jaroj li estis membro de la Brita Asocio por la progresigo de scienco (British Association for the Advancement of Science) kaj estis konata pro siaj esploroj rilate „Moderna Lernado de Lingvo"; kaj kiam la Asocio fondis Komitaton (Sekcio L.) por esplori la problemon de Internacia Mondhelplingvo taŭga esti akceptata de scienculoj, li estis petata, fariĝi membro. Li interesiĝis kaj tuj aranĝis eksperimentan klason por instruistoj, kiuj, lernante la elementojn de Esperanto, povus fariĝi kompetentaj rilate ĝian valoron. Ĉi tiu pruva kurso certigis la decidon de la Brita Asocia Komitato (1921). Nur en la nuna jaro (1927) la aŭtoro trovis vojon okupi sin serioze pri la Esperanta problemo, kaj ĉi tiu malgranda volumo estas la rezulto de personaj spertoj dum la lernado de Esperanto. Ĝi prilaboras kaj multrilate plibonigas la spertojn, kiujn la aŭtoro kolektis dum la jaroj 1891-1892, lernante „die deutsche Sprache" en Germanujo.

Ĉi tiu fragmento de membiografio estas enmetita nur por trankviligi legantojn, al kiuj la ideo de eltrovita*) lingvo estas neinteresa. Ekzistas ankoraŭ multaj meditemaj personoj, kiuj opinias, ke Esperantismo estas amatora movado kaj ke iu ajn, kiu defendas ĝin, havas nekonfidindan, nekompetentan juĝon. Sed la Brita Asocio kaj ĝiaj Komitatoj ne estas obskuraj propagandistoj; la raporto, kiun oni prezentis al la Edinburgha Konferenco, estis sufiĉe sobra kaj enuiga. Ĝi kolektis pruvmaterialon, kunmetis ĉiujn gravajn faktojn kaj, kun nur unu kontraŭa voĉo, prenis la partion de la lingvo kreita de Zamenhof. Intertempe la pruvmaterialo pliiĝis pri la fakto, ke Esperanto solvis problemon, kiun la mondo mokis dum du centjaroj.

### „La Interna Ideo."

Ekzistas sendube aliaj kaŭzoj por la akcepto de Esperanto ol tiuj, pri kiuj ni interesiĝis kiel membroj de la Brita Asocio: estas, antaŭ ĉio, „la interna ideo" — la etika, humana sopiro, kiun Zamenhof prezentas al ni kaj kiel profeto kaj kiel lingva geniulo; sed ĉi tiu vidpunkto de internacieco restu ĉi tie sur alia flanko. La problemo de ĉi tiu libro estas, kiama-

*) Rimarko de l' aŭtoro: La nura ideo de invento, rilate lingvon, estas ne nur neinteresa, sed vere antipatia por multaj lernantoj. Sed la iro de l' tempo pruvas, ke ĉi tiu antipatio, kiel aliaj profunde sidantaj antaŭjuĝoj, baziĝas sur konvencio, kaj ne sur la naturo de l' aĵoj en ili mem; kaj ĝi ĉesas, kiam la studanto ekkonas kaj kontrolas la iron de la evoluo en lingvo. Pro tio ke Zamenhof estis vere talenta inventulo, oni nun konsentu, ke li, kiel aliaj sukcesplenaj inventuloj, estis homo, „naskita je ĝusta epoko". Esperanto alvenis kiel evoluo, kiun nia epoko estis atendinta, evoluo ekstere de la rasaj lingvoj, al kiuj ĝi estas kompletigo. Eminentaj filologoj, kiel Jespersen kaj Collinson, jam montras la iron, kiun la lingvistiko prenas. Por studantoj, kiuj okupas sin pri esploroj en ĉi tiu rilato, estos rekomendinde, observi la esplorojn, kiujn faras ili kaj aliaj, kune kun la kunlaborado de „International Auxiliary Language Association" de Ameriko, kies oficistoj en 525 West 120 th Street, New York, donos informojn al ĉiuj petantoj. La plejmultaj lernantoj kaj aŭtoroj, kiuj apartenas al ĉi tiu Asocio, sendube akceptas Esperanton, sed la Asocio mem ne interesiĝas pri propagando. Ĝi neŭtrale esploras la tutan lingvistikan kaj socialan situacion, kiu donas ŝancon al Esperanto kaj samtempe ebligas kritikon.

niere oni lernu fremdajn lingvojn. Esperanto ĉi tie interesas nin nur, ĉar ĝia strukturo donas al ĝi unikan rangon rilate la teknikon de lingvo-lernado; sekve la titolo de ĉi tiu ĉapitro.

Tamen, opiniante, ke la morala problemo apartenas al alia flanko, ni ne volas konstati, ke ĝi estu ignorata. Krom la motivoj, kiuj instigas al lernado, kun ambaŭ, plenkreskuloj kaj infanoj, ĉi tiuj socialaj kaj moralaj rezultoj devas influi la efikon de instruo.

Malfacilaĵoj en la elementoj malaltigitaj al minimumo.

Ni vidis en ĉapitro I, ke la neinstruita animo, kiu trovas en la unu gepatra lingvo sufiĉan instrumenton por la esprimo de pensoj kaj sentoj, rifuzas la akcepton de iu dua. Fakte, estis ĉi tiu fenomeno, kiu ĝis modernaj tempoj donis tiel grandan avantaĝon al instruitulo, al komerca oficisto kontraŭe al la neinstruitulo, kiu povis paroli nur unu lingvon kaj kapablis skribi neniun. Latino estis mistero. La franca kaj la angla lingvoj estis provincaj, krudaj. Ne malmultaj scienculoj en altaj pozicioj deziras ankoraŭ en siaj koroj, reteni ĉi tiun malhumilan iluzion, ke ili estas heroldoj de mistero: ili ne havas kaŭzon timi la perdon de prestiĝo. La granda amaso de homaro ankoraŭ vivas en fazo de evoluo, en kie loka dialekto kontraŭbatalas normalan nacian lingvon. Plua sukceso rilate la unuiĝon kun fremdaj nacioj per komuna ĝuo de fremda lingvo ne fariĝas en unu momento. Ili tamen devus studi ĉi tiun fenomenon de rezisto, ĉar sub ĝi parte kuŝas la malfacilaĵoj, kiujn la lernantoj devas venki, volante progresi, ĉu en la latina kaj la greka lingvoj, ĉu en la franca kaj germana lingvoj. En ĉiuj ĉi tiuj lingvoj la opozicio, kiu malhelpas la eniĝon de iu ajn fremda lingvo, estas treege fortigita per la malfacilaĵoj, kiujn la lingvoj mem prezentas en ĉiuj punktoj de „Formo", priparolita en ĉapitroj III ĝis VIII. En unu la instruo pri formoj amuzas sin per malregulecoj, en alia la gramatiko eble estas simpla, sed la elparolado kaj la silabado ŝajnas esti ĥaosaj. La lernanto estas timigita, ĉar ŝajnas al li, ke li devas batali kontraŭ ĉiuj ĉi tiuj malfacilaĵoj kune. Ni montris, kiel la proverbo „Divide and Conquer" (Dividu kaj venku) estu uzata tiamaniere, ke li venku kelkajn de ili antaŭ ol la ceteraĵo atakas lin; sed la plej bona por li estus malrapida progreso, kaj ni ne apartenas al tiuj, kiuj promesas rapidan akiron de la franca aŭ germana lingvoj post du aŭ tri monatoj.

Nun la eltrovo de la mondhelplingvo ebligis, rigardi la tutan problemon de nova vidpunkto. Oni zorgis pri gramatiko la plej simpla: kial povus esti alie. se la konstrukcio estas elpensita „ex machina"? Ekzistas neniuj esceptoj kaj malregulaĵoj. La vortformado estas egale klara kaj enhavplena, uzante en siaj radikoj kaj finaĵoj la ekzemplojn de la ĉefaj eŭropaj lingvoj. La elparolado akordiĝas kun la ĝenerala eŭropa modelo, kaj ankaŭ ĉi tie ne ekzistas esceptoj. Silabado ankaŭ ne kaŭzas malfacilaĵojn.

Do, se niaj infanoj, en la aĝo de dek jaroj, komencas lerni Esperanton, ili rapidege sukcesas, uzi ĝin vere kaj kun plezuro; neniu, kiu ne fakte spertis, kion infanoj povas atingi pere de Esperanto (en kontrasto al ilia treege malrapida progreso rilate la francan lingvon) kapablas imagi, kion ĉi tiu diferenco signifas. La ĉefa afero estas, ke la opozicio malaperis: de nun la lernanto eniris la mondon de nacioj; li parolas, ludas,

pensas, sentas en alia lingvo; kaj la aliro estas malfermata por li por ripeti la eksperimenton rilate la francan aŭ rusan lingvojn aŭ iu ajn nacian, kiu nun komencas veki lian intereson. Eĉ se Esperanto havus neniun alian meriton, ĝia eltrovo estis valora, se nur por helpi al la instruistoj kontraŭ ĉi tiu malfacilaĵo!

### Helpo rilate gramatikajn ideojn.

Krom ĉi tiu superstaranta avantaĝo estas aliaj kaŭzoj, kial Esperanto devus esti instruata dum unu aŭ du jaroj antaŭ ol iu ajn nacia lingvo estas enkondukata en la lerneja studo-plano. Ni rimarkigis en ĉapitro V, ke ideoj de gramatiko, t. e. de universala gramatiko, plej bone estas prezentataj al la atento de la junularo dum la tempo, dum kiu ili lernas iun ajn fremdan lingvon, de kiam ekzistas absoluta kaŭzo por konsideri gramatikan fenomenon. Kaj ĉar la reguloj de Esperanto-gramatiko estas malmultaj kaj permesas neniujn esceptojn, la lernanto povas fiksi sian atenton al la ĉefaĵoj de universala gramatiko, ne daŭre rememorante malregulaĵojn aŭ idiomajn uzadojn. Pro tio la propono, kiun ni faros en la sekvonta ĉapitro rilate la aranĝon de lernejaj tempo-tabeloj. Kiam paralela kurso estas aranĝata por (a) lerni Esperanton (kelkajn minutojn ĝis duona horo) ĉiu tage, kaj (b) por studi gramatikon (kun ilustracioj de la angla lingvo kaj de Esperanto) unu — aŭ dufoje por semajno, la lernanto estos dum la fino de unu lerneja jaro sperta pri gramatikaj ideoj. Se li nun progresas al dua fremda lingvo, al la franca aŭ al la latina, li kapablos efike kontraŭstari la komplikojn de gramatiko kaj sintakso en ĉi tiuj lingvoj kun preparita spirito — ideoj de akordiĝo de kazoj, sekso kaj nombro, tempo kaj stilo, pronomoj kaj prepozicioj fariĝas parto de lia intelekta perfektiĝo. Ĉi tio vere estas alia apliko de la principo „Divide and Conquer“, al kiu ni aludis.

---

### Vortaro de Esperanto.

La sama principo estas aplikenda ĉe la akiro de vorttrezoro. La granda amaso de Esperanto-vortoj kaj -radikoj estas de sama deveno kiel la romanaj lingvoj kaj ankaŭ iomete devenas el Teŭtonaj fontoj. La sistemo de vokalaj sonoj estas ankaŭ „kontinentala“ kaj treege helpas la anglan lernanton adapti sin poste al la pli artifika elparolado de francaj sonoj. Oni nomis*) Esperanton „La latino de la demokratio“ kaj ĉi tiu eldiro vere bone taŭgas, ĉar ĝi montras la facilan elokventecon, kiu pli aŭ malpli igas la lernanton en kontakton kun la kondiĉoj, sub kiuj la nacioj de Eŭropo, reen irante la vojon ĝis al la suvereneco de la Romana Imperio, povas akordigi sian heredaĵon kun la diversaĵoj de nacia historio.

Supraĵaj kritikoj de la movado Esperanta ofte pretekstas, ke ĝi estas minaco kontraŭ la nacia literaturo kaj la nacia kulturo. Oni fakte suspektas, ke kelkaj instruistoj por la franca kaj germana lingvoj timas, perdi sian laboron, kiam la tuta popolo enpenetros en la spiriton de Esperanto. Ili rigardas ĝin kiel konkuranton. Nenio povas esti pli malĝusta; ĉar ju pli ĉi

*) Rim. de l'aŭtoro: Tion faris la mortinta Profesoro Mayer of Cambridge. La disvolvo de liaj ideoj pri Esperanto dum la Esperanto-Kongreso en Cambridge, 1907, malkaŝigis atentindan pruvmaterialon pri la helpfontoj de ĉi tiu lingvo en la manoj de granda scienculo.

tiu movado disvastiĝas, des pli granda estos la postulo inter ĉiuj intelektuloj pri kompreno kaj komuna sento inter la nacioj. Ju pli la malamikeco de ŝovinismo malplimultiĝas, des pli la homoj provas konatiĝi pli intime kun la lingvo de la fremdulo, al kiu ili jam havis kvazaŭ provizorajn rilatojn per Esperanto, kiel burĝoj de l'mondo. Esperanto sendube post malmulte da tempo atingos eminentan pozicion por si mem, nepre bezonata por internacia interparolado, kiel la sola neŭtrala platformo, sur kiu ĉiuj nacioj povas renkonti unu la alian kiel egaluloj; sed neniam ĝi povas anstataŭi la funkciojn de historiaj kaj literaturaj studoj, kiuj estas absolute kunligitaj kun la studado de la grandaj lingvoj, en kiuj la homa historio estas enfermita: Do, kiam instruistoj de Modernaj Lingvoj en lernejoj kaj kolegioj aligos Esperanton al sia instruplano, ili pligrandigos la valoron de ĉiu de la aliaj lingvoj, kiujn ili nun instruas, kaj samtempe helpos, ke iliaj lernantoj trovas novan rimedon por teknika laborkapableco dum la unuaj jaroj de studado.

## Utilo por la instruisto.

Al la nuna generacio de instruistoj Esperanto povas fari specialan servon, eĉ se ili ne havas la intencon, uzi ĝin kiel instrumaterion en siaj propraj lernejoj. La aŭtoro, kiel mi diris en la komenco de ĉi tiu ĉapitro, ŝanĝis sian doktrinon pri lingvo-lernado dum kiam li lernis Esperanton. Kiam nur unu ĉi tie kaj tie, ĉu inter instruistoj, ĉu inter nefakuloj, konas unu vorton de ĉi tiu lingvo, la lernanto povas veni al ĝi kiel novico. Li povas, kompreneble, fari la samon rilate la hispanan aŭ italan lingvojn, se li trovas saman fundon por suriri la ŝipon de unu de ĉi tiuj lingvoj.

La plej bona vojo por iu ajn instruisto rilate iu ajn fakon de studo por progresigi sian pedagogian lertecon, vere estas, ke li komencu je la komenco per iu ajn arto aŭ metio, observante, kio okazos al li laŭ la klarigo de la koncerna psikologio — nova apliko de la proverbo „Learn by Doing“ (Lernu eksperimentante). Ni paroladas tro multe, ni provas tro malmulte. Se instruistoj akceptas ĉi tiun konsilon, ili eble ne konsentos rilate ĉiujn vidpunktojn kun la doktrinoj, mallonge skizataj en ĉi tiuj ĉapitroj, ĉar la aŭtoro ne fanfaronas pri neerareco: prefere li supozas, ke la instruistoj-studantoj, kiuj akceptas ilin, konservas malkaŝan spiriton kaj faros siatempe, kion ili povas, por progresigi la teknikon de lernado. Unue eble la specialistoj por Modernaj Lingvoj interesiĝos, ĉar ĵus nun ili vere interesiĝas pri esploroj de la bazoj de siaj instrumetodoj; sed oni konfidas, ke ankaŭ aliaj instruistoj partoprenos la planon, ĉar la problemoj de metodo, prezentataj ĉi tie, tuŝas la fundamenton de eduka psikologio kaj rilatas ĉiujn lernejstudojn, kiuj koncernas la akiron de laborkapableco.*)

Tiamaniere la lernado de Esperanto estu proponata kiel nova studo al instruistoj kiuj interesiĝas por memevoluo kaj profesia sukceso. Ofte oni riproĉas al la instruprofesio, ke ĝi estas indiferenta al progreso kaj studado, sed la kritiko ne scias, kiaj klopodoj estas faritaj de ambaŭ, de edukaj

*) Rim. de l'aŭtoro: El „Modern Languages“, la organo de la Modern Language Association de Granda Britujo kaj Irlando: „La vero estas kompreneble, ke la tekniko de lingvo studo neniam estis perfekta, kaj malmultaj el ni scias, ĉu tio kion ni deziras estas tio, kion ni devis deziri . . . . Estas ĝuste diri, ke ne unu sola vidpunkto rilate la teknikon de lingvoinstruo estis science fiksita“ (p. 2 (Editorial) de vol. VIII., numero 1., Oktobro 1926).

aŭtoritatuloj kaj de la instruistoj mem, por progresigi rilate teknikan laborkapablecon: kie pesimismo estas konstatata, la motivo ĝenerale povas esti trovata en skeptikismo rilate la valoron de la speciala skemo de studado prezentata. La publikigo de ĉi tiu malgranda libro estas mem respondo al la skeptikuloj; ĉar eldonistoj ĝenerale ne eldonas volumon, antaŭ ol ili supozas, ke ĝi estos legata. La aŭtoro estas nur unu el la granda societo de instruistoj, kiuj estas preparitaj por esploroj, se ili vidas antaŭ si rektan vojon.

El ĉapitro X (paĝ. 99-100) Tempoj kaj Sezonoj.

Mallonga Potaga Konsilinda Praktiko.

Ni jam menciis la aĝon de 10-11 jaroj kiel konvenan tempon de l'vivo, por komenci kun iu ajn fremda lingvo; sed, se tamen la junulo ne havis jam sian ŝancon dum ĉi tiu tempo, li tute ne estas fatale malhelpata, kiam li komencas je la 14-a aŭ 16-a jaro, aŭ eĉ se li fordormis okazon, kiam li eniras kolegion aŭ kiam li lasis siajn lernejajn tagojn tute malantaŭ si. Dum ĉiuj periodoj, la principoj de akiro estas la samaj, tamen, kompreneble, la spirito de plenkreska lernanto estos multe pli interesigata per la intelektaj interesoj, prezentataj en ĉapitroj III ĝis V. Kaj dum ĉiuj periodoj de l'vivo ni estas submetataj al la samaj leĝoj de kutima formado: tagaj ekzercoj estus aranĝataj, se nur dum kvin minutoj dum kelkaj tagoj, kaj se eble, je la sama horo ĉiutage. Du horoj, uzataj tiamaniere: 30, 30, 30, 15, 15, alportos multe pli da utilo ol 60, 60. Ĉi tiu tempo, kiun oni dediĉas al Esperanto dum unu jaro aŭ al la franca lingvo dum 2 jaroj, fondus kutimojn, kiuj daŭras, kaj majstrecon, kiu estas efektiva en siaj regionoj. La Asquith-Komitato ĉi tie estis malprava rilate sian psikologion: ili elparolis la timon, ke „pro la manko de okazoj por praktiko . . . la facileco, per kiu oni akiris Esperanton, trovus kontraŭaĵon per la rapideco, kun kiu oni forgesas ĝin."
Rilate Esperanton la okazoj por praktiko tute estas realigataj. En la malmultaj distriktoj de Eŭropo, kie ĉi tiu lingvo estas lernejobjekto, la lernantoj korespondas kun kamaradaj lernantoj sur la tuta terglobo. La argumento de la Komitato samtempe kondamnus la akcepton de la franca aŭ germana lingvoj kiel objekton en niaj lernejoj duagradaj, ĉar nur malgranda parto de la lernantoj uzas la lingvojn aŭ per fremda korespondado dum la lernejtempo, aŭ per interparolado post kiam la lernejvivo estas pasinta. Sed la fakto estas, ke kutimoj, se ili *estas* (veraj) kutimoj, ne povas esti forgesataj.

(Paĝ. 101-102.)

Plano por la Enkonduka Ŝtupo.

A. Tempo-Tabelo por fremda lingvo.
Du horoj por semajno dum la daŭro de unu jaro, dividataj tiamaniere: 30, 30, 30, 15 kaj 15 minutoj, por la lernado de Esperanto, aĝo 10-11 jaroj: sekvos la franca lingvo dum la daŭro de du jaroj, 11-12, 12-13. Kompreneble, se Esperanto povas esti daŭrigata (eble en iu ajn Esperanto-Klubo ekster la lernejaj lecionoj) post la unua jaro, des pli bone.

★

# La Sanskrita Radiko „mar“.

(Daŭrigo.)

De „m a r“ en la dua, sed ĉiom certa signifo de la velkado, mortigado, ekzistas la sanskrita vorto „m a r u“ = dezerto, dezerta tero. Ekzistas dua dezerto, la maro, kion la grekoj nomis „a t r ý g e t o n“, senfrukta, ne donanta rikolton. La arioj ne estis vidintaj ĉi tiun akvan dezerton, ĝis ili disiĝis ĉe la eliro el la centra hejmo. Sed kiam la romoj vidis la Mezan Maron, ili nomis ĝin „m a r e“, t. e. maro; kaj la sama vorto estas trovata ĉe la keltà, slava kaj germana popoloj; slave – m o r e; lit. – m a r i o s kaj m a r é s; got. = m a r e i; ire = m u i r; rus. = m o r e; angla = m o r e = lageto. Ne estas dubeble, ke ili, doninte ĉi tiun nomon al la maro, pensis je la morta aŭ senflua akvo en kontraŭeco je la fluantaj riveroj. Tamen ĉi tiaj supozoj pri la originaj pensoj gvidantaj la pralingvistojn aŭ prakreulojn de la lingvo, ĉiam iom da malcerteco ekzistas. Ĉio, kion oni povas fari, estas, protesti kontraŭ intermiksado de vortoj, kiuj eble estas havintaj originon sendependan unu de la aliaj; sed se estas konstatite, ke ne ekzistas alia radiko ol „m a r“ = morti, de kiu „m a r e“ povus esti derivata pli regule, tiam estas konvene al la sciencisto, fari linion kunigan inter la radiko kaj ties derivaĵo, kaj oni vere ne bezonas supozi, ke en antikvaj tempoj la novaj vortoj estus formitaj, kreitaj kun malpli da peno ol en la nunaj tagoj. La lingvo estas nomata de Jean Paul: vortaro da paliĝintaj metaforoj; tiu ĉi esprimo enhavas multe da vero kaj la etimologo estas devigata, redoni al ĉi tiuj metaforoj ilian originan brilon.

Se oni en Anglujo povas paroli pri morta, t. e. staranta, ne fluanta akvo (mar = lageto), se okcidente de la Rejno en la germana montaro Eifel troviĝas „M a r e“, t. e. lagoj en la krateroj de mortaj vulkanoj, kaj se la franco uzas en la sama senco „e a u m o r t e“, kial la nordaj branĉoj de la arioj ne ankaŭ povis derivi sian nomon por la ideo maro de la radiko „m a r“ = morti? Certe ili posedis krom tiu ĉi ankaŭ aliajn nomojn, kaj ju pli da poezia talento popoltrunko posedis, des pli riĉa je nomoj por la oceano ĝi estis. La grekoj, la plej intima — je la oceano — popolo el ĉiuj ariaj popoloj, ĝin ne nomis „morta akvo“, sed kontraŭe „t h á l a s s a“ (t a r á s s ō), pro la maltrankvileco kaj movado; aŭ „h á l s“, la salfluego; aŭ „p é l a g o s“ (plázō): la puŝanta (io); aŭ „p o n t o s“, la alta strato.

Ni retroiru nun al la fundamenta signifo de „m a r“ kaj „m a l“, kio estis: mueli, polvigi, pulvorigi, precipe rilate al la muelado de la grajno kaj al la batoj de la pugnobatalanto. La grekoj devenigis de „mar“ aŭ „mal“ unu el siaj mitilogiaj karakteroj, nome „m o l i o n“, vorto, kiu fakte laŭ Hesychius signifas: batalanto; sed la vortoj en la mitilogiaj fabloj de la grekoj estas koniĝinta pro la du „m o l i o n e s“ (la muelistoj), posedantaj unu korpon, sed du kapojn, kvar piedojn kaj manojn. Eĉ Herakleso ne povis venki ilin, kiam ili pro la defendo de sia onklo Aŭgeias batalis kontraŭ Herakleso. Herakleso mortigis ilin poste dum surprizo. Tiuj ĉi herooj origine estis nomitaj „m o l i o n e s“ aŭ „m o l i o n i d a i“, t. e. frakasantoj (germ. Zermalmer); sed poste oni fablis pri ili, ke ili estus estintaj la filoj de la „m o l i o n ē“ (muelejo) kaj de la „A k t o r“ (grenviro). Kelkaj mitologoj konsideras ĉi tiujn dunaskitojn identaj je tondro kaj fulmo, kaj estas evidente, ke la nomo por la tondra kojno de la diaĵo Thor povus esti derivata de la sama radiko, ĉar la martelo de Thor „m i ö l n i r“ signifas simple: frakasanto. Ankaŭ ĉe

la slava popolo estas „m o l n i j a“ unu nomo de la fulmo kaj en la serbaj liedoj (popolkantoj) estas parolate pri „mŭnja“, kiel fratino de „g r o m“, la tondro, kaj ŝi fariĝis mitologia persono.

Krom ĉi tiuj muelistoj de la heroa tempo ekzistas ankaŭ alia giganta paro, konita je la nomo „aloaden“: Otos kaj Ephialtes. Pro fero ili turumis la monton Ossa sur la monton Olymp, kaj la Pelion sur la Ossa(on), kiel duan turon ĉe Babel, por supreniri al la sidejo de la dioj. Ili estas superataj, venkataj de Apollo. La nomo de ĉi tiuj gigantuloj estas simile signifa kiel la nomo de la „m e l i o n e s“. Ĝi estas derivata de „a l ō e“ aŭ „a l ō ā“, draŝejo, kaj signifas „draŝistoj“. La demando pritraktota estas, ĉu „a l ō e – draŝejo kaj „á l e u r o n“ aŭ „t à á l e u r a“ – tritikfaruno, estas redukeblaj al la radiko „m a l“ = „m a r“. Kelkfoje oni asertas, ke grekaj vortoj pro la belsoneco alprenas komencan „m'on“. Tio neniam estas pruvita. Sed tio estas pruvebla per diversaj analogioj, ke grekaj vortoj, origine komenciĝintaj per m'o,okaze lasis forfali la m'on. Tio sendube estas perforta ŝanĝo kaj krom tio tia, kia ŝajne fariĝis sen iu ajn fiziologia devigo, ĉar certe ne estas pli malfacile, komencan nion elparoli kiel komencan vokalon.

Malgraŭ ĉi tio ekzistas manko da analogiaj ekzemploj; kaj ankaŭ analogioj devas gvidi nin. Tiel la vorto „m o s c h o s“, delikata, suka burĝono, ankaŭ ekzistas kiel „ó s c h o s“ aŭ „o s c h e“ (aŭ „ô s c h o s, ō s c h e“), juna branĉeto. Anstataŭ „m i a“ (unu) oni trovas en Homero „i a“; ja eĉ anstataŭ la vorto „a l e ŭ r o n“ (tritikfaruno) estas citita de Helladius alia formo: „m á l e u r o n“.

Komparante la grekan lingvon kaj la latinan lingvon oni trovas, ke tio kion la latinoj nomis „m o l a“ (nome: pistitaj grajnoj de spelto — botanika nomo: T r i t i c u m s p e l t a —, kiuj miksite je salo, estis disŝutataj sur la oferotajn bestojn), nomiĝas ĉe la grekoj οὐλαι aŭ ὀλαι, kvankam ĝi indikis ĉe ili pistitajn hordegrajnojn. Pro tiuj ĉi analogioj oni estas prava supozi la eblecon, ke forfalas en la greka lingvo la komenciĝanta „m“; kaj oni povus derivi la nomojn „m e l i o n e s“ kaj „a l o a d a i“ de la radiko „m a r“. Sed se la meliones kaj aloadai fakte devenas de la radiko „mar“, oni ne povas dubi, ke la nomoj Mars kaj Ares, la kaptitoj de la „a l o a d a i“, venis el la sama fonto. En la sanskrita lingvo liveras la radiko „m a r“ vorton por la ventego, nome: „m a r u t“, laŭvorte: frakasanto, pistanto. Ankaŭ estas facile, en la karaktero de la „m a r u t'o j“ (la kunuloj de „I n d r a“ ĉe lia ĉiutaga batalo kun V ṛ i t r a) malkovri la ĝermojn de la ideoj pri militemaj diaĵoj. La sama radiko sufiĉe klarigus la latinan „M a r s“ (Mars'on), kaj — se oni rilatas je la ŝanĉeliĝanta karaktero de la komenca „m“ — ankaŭ la grekan vorton Á r ē s, Á r e ō s. „M a r m a r“ kaj „M a r m o r“, malnovlatinaj nomoj por „Mars'o“ estas duobligaj formoj, kaj en la oska vorto „M â m e r s“ la r en la duobliga silabo malaperis. „M â v o r s“ estas pli malfacile klarigebla, ĉar ne estas pruveble en la latina lingvo per iu ajn ekzemplo, ke „m“ en la mezo de vorto estas aliformigita je „v“.

Sed kvankam etimologie neniu malfacileco ekzistas, la indan formon „m a r u t“, la lat. formon por „M a r s'o“ kaj la grekan formon por A r e s devenigi de la sama radiko, tamen nek en la marsfablo nek en la aresfablo estas evidentaj aludoj ekkoneblaj, kiuj komprenigas la diaĵon kiel reprezentanto de la ventego. Mars en Romo kaj Ares en Thracien alprenis la karakteron de superaj ŝirmdioj, kvankam ilia adorado restis limigite sur malgrandaj teritorioj. La sola kuniga ero inter la klasikaj diaĵoj Mars kaj

Ares kaj la indaj marut'oj estas ilia militema karaktero; kaj se estas perceptata Indra'o kiel venkinto de la vintro, kiel lum-dio, subiganta la mallumon, kiel konstanta venkinto de la batalo kontraŭ la malamikaj naturpotencoj, tiam Indra'o, la gvidanto de la marut'oj, kiuj agas kiel lia armeo, alprenas similecon pli ekkoneblan kun Mars (la printempa dio, la donacinto de la fekundeco, la detruinto de la malbonaĵo. Ĉe Ares ekkonis Preller, ne iel pensante je la parenceco inter Ares kaj la marut'oj, la personiĝon de la ventado kaj de la bruado en la atmosfero.

Ĝis nun la derivaĵoj, senpere devenigitaj de la radiko „mar", estas esploritaj, sed ne estis konsiderataj la diversaj aliiĝoj de la radiko mem. Tio estas afero tre grava, kvankam samtempe la malfacileco kaj melcerteco fariĝos pli grandaj.

Max Mueller diras, ke multaj el la radikaro sanskrita evidente estas derivaĵoj. Ekzemple el „y u" (kunligi) formiĝas „y u d h" (interbatali, mane batali) kaj y u j (kunigi). Ĉi tie **j** kaj d h estas evidente konsonantoj, modifantaj, pli malvaste limigantaj la signifon, do koncizigantaj signoj, kiuj mem origine posedis ian signifon. Alia radiko „y a u ṭ", en la senco: kunigi, kunglui, same estas konjektebla kiel idioma formo de „y u j".

Kiel el „y u" formiĝas „y u d h", tiel fariĝas el „m a r": „m a r d h" aŭ „m ṛ i d h", kaj ĉi tiu radiko sanskrita ekzistas je la signifo: detrui, mortigi; pro tio: „m ṛ i d h" = malamiko.

Kiel el „y u" naskiĝas „y u j", tiel fariĝas el „m a r": „m a r j" aŭ m ṛ i j. Ĉi tio estas radiko, oftege troviĝanta. Ĝi signifas: froti, sed ne kun la akcesora signifo de la detruado kiel „m ṛ i d h", sed kun la ideo: purigi. Tio estas la kutima signifo de la radiko „m a r j", aŭ „m ṛ i j" en Sanskrito, ke ĝi klarigas la nomon por kato, nome: „m â r j â r a", laŭvorte: la besto, kiu ĉiam frotas kaj purigas sin. En la greka lingvo oni trovas la vorton „o m ó r g - n ÿ - m i" (viŝi) en simila signifo.

Sed ĉi tiu ĝenerala signifo ankoraŭ pli speciale estas limigita en la lingvoj grek., lat., germ., slava. Ŝanĝinte **r** je **l**, oni formis la radikon „m a l g", kio signifas: froti aŭ tuŝeti la mampintojn de la bovino, t. e. melki. Por tiu ĉi esprimo la grekoj posedas la formojn: m é l g o kaj a m é l g ō; la latinoj: m u l g ē r e. En la malnov-alt-germana lingvo troviĝas la substantivo: m i l c h u (nun: Milch = lakto) kaj ties verba derivaĵo kun la signifo: m e l k i. M i l k (angle) = melki kaj lakto. En la litova lingvo signifas: m i l z t i — melki kaj tuŝeti. Ĉi tiuj du parencaj signifoj estas en la latina lingvo distingitaj per „m u l g e r e" (melki) kaj „m u l c e r e" (froti, tuŝeti (iomete kaj delikate), trope: mildigi, trankviligi, ĝojigi, karesi).

(Daŭrigota). Hugo D r e u s i c k e, Kassel (Germanujo).

---

# Ĉefkunveno de la Saksa Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj en Meissen la 4-an de Novembro 1928.

Okaze de la ĉefkunveno de la Saksa Ligo Esperantista en Meissen, Hamburger Hof, la Saksa Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj okazigis en la sama kunvenejo ankaŭ sian ĉefkunvenon. Multaj geinstruistoj partoprenis ĝin, inter aliaj ĉeestis ankaŭ super-registara-konsilisto s-ro Calletsch, kiu reprezentis la ekonomian ministerion, super-lernejkonsilisto D-ro Kraner kiel reprezentanto de la instruministerio, lernej-konsilisto D-ro Trögel, prof-o D-ro Dietterle, la direktoro de la Esperanto-Instituto por la Germana Regno, lernejkonsilisto D-ro Kretzschmar, D-ro Riedel de la Pedagogia Instituto-Dresden, k-o Klemm, reprezentanto de la Saksa Instruista Asocio kaj superinstruisto Lukas kiel reprezentanto de la distrikta instruista asocio Meissen. Saluton sendis k-o Malmgren-Stockholm por la svedaj geinstruistoj

Posttagmeze je la 3-a lernejestro s-ro Hahn-Gohlis, la prezidanto de la asocio, malfermis la kunsidon kaj salutis la ĉeestantojn. Post akceptita tagordo oni eniris ĝin kaj s-ro Hahn faris la jarraporton, precipe menciante la grandajn progresojn dum la lasta jaro rilate la publikan ŝatadon de nia movado. La instruministerio donis al la asocio monhelpojn (en la lasta jaro 400 germ. mk.; nova petskribo pri 1200 germ. mk. por dumvintraj instruistaj kursoj estas ankoraŭ ĉe la ministerio), por okazigi geinstruistajn kursojn. Kiel pluan sukceson li menciis, ke estonte la lernejkonsilistoj de si mem okazigos oficialajn geinstruistajn esp.-kursojn, kiujn tute pagos la ministerio. Tiaj kursoj ekz. komenciĝas nun en Dresden II, Leipzig II, Dippoldiswalde, Auerbach kaj Grossenhain baldaŭ sekvos. La Saksa Geinstruista Asocio, en ties jarraporto oni povas legi la kompletan jarraporton de nia esp.-asocio, konsentis en ĉi tiu jaro monhelpon de 150 germ. mk. En 14 distriktunuiĝoj oni faris paroladojn pri Esperanto. Krom la instruistaj esp.-kursoj aprobitaj de la ministerio oni okazigis 15 geinstruistajn kursojn, aranĝitaj de la Saksa Esp.-Asocio. Tre grava estas la fakto, ke en la Pedagogia Instituto, la akademio de la estontaj popolinstruistoj, ankaŭ ekzistas esp.-kursoj, gvidataj de nia meritplena membro s-ro D-ro Riedel. Dum la raportjaro 28 geinstruistoj faris esp.-ekzamenon. Precipe tre favora estis la sintenado de la saksa fakgazetaro rilate nian movadon, kiu bone helpis nin en nia laboro. Tial s-ro Hahn en la raporto esprimis apartan dankon al la redaktoroj de „Leipziger Lehrerzeitung“ kaj „Sächsische Schulzeitung“. La membronombro dum la raportjaro kreskis de 282 ĝis 326. Tiun progreson ni dankas preskaŭ senescepte la personan varbadon kaj propagandon. La raportinto finis dirinte, ke ni povas esti kontentaj kun la evoluo de nia movado kaj ke ankaŭ rigardo en la estontecon rajtigas bonajn esperojn. La jaro 1929 estu por ni la jaro de vigla varbado kaj la tasko de ĉiuj estu helpi, ke la valoroj, kiujn enhavas nia movado, aperu baldaŭ en la ĝusta lumo.

Post la jarraporto s-ro Schönherr-Dresden donis la kasraporton, dirinte, ke la elspezoj necesaj dum la jaro ja estis tre grandaj, sed ke aliflanke ni ankaŭ ne bezonas dekuraĝiĝi, ĉar ni povas atendi ankoraŭ monhelpojn, kiuj plibonigos la staton.

Kiel tria punkto sekvis la elekto de la estraro. La kunvenintoj atestis denove la malnovan estraron, nur elektinte novan protokolanton.

La kvara kaj plej vigle pridiskutita punkto estis: La Germana Instruist-Kunveno en Dresden 1929. La raportinto estis lernejestro Schneller-Leipzig. La temo „La lernejoj en servo de interkomprenigado de la popoloj" estas konsiderinda por la E.-instruistaro. La Sveda Geinstruista Unuiĝo proponis laborplanon pri tiu ĉi temo, kiu interalie proponas akcepton kaj instruadon de internacia mondhelplingvo. Ja ankaŭ la internacia unuiĝo de la naciaj geinstruistaj unuiĝoj rekomendis al siaj membroj la studadon de la mondhelplingva problemo kaj petis ilin progresigi tiun demandon. Pro tio la E.-instruistaro deziras parolonton por la parto koncernanta Esperanton. Ankaŭ estas projektata ekspozicio, kiu montru la rilatojn inter infano, instruisto kaj la aliaj popoloj. Flugfolio „E. kaj la popolpacigo" estu disdonota inter la partoprenontoj. Ĉefpunkto devas esti, ke oni ekkonu dum tiu ĉi kunveno kaj dum la preparontaj laboroj en la distriktasocioj, ke E. estas valora kaj efika instruilo por la pacigo de la popoloj.

Pri la „Internacia Situacio" raportis prof. D-ro Dietterle. Li montris, ke la grandaj internaciaj asocioj instruistaj kaj edukaj, kiuj ĉiuj celas „novan edukon" por la nova generacio, jam sentas kaj baldaŭ pli klare sentos la necesecon de internacia helplingvo: 1. pro la malfacilaĵoj de la diverslingveco en siaj kongresoj 2. pro sia ĉefa celo mem, kiun Esperanto povos tre bone subteni. En iliaj kongresoj oni jam parolis, eĉ rezoluciis pri mondhelplingvo. (vid. la artikolon en ĉi tiu numero „la tempo estas matura"!) Ili estas oficiale politike neŭtralaj, same kiel TAGE kaj IPR, kies anoj cetere havas plenan liberecon aliĝi persone al la organizacio, kiu ŝajnas al ili la plej taŭga, kaj propagandi en ili laŭplaĉe. TAGE subtenu oficiale la nomitajn internaciajn asociojn, partoprenu iliajn kongresojn kaj la saksa instruistaro Esperantista, kiu ĝis nun estis la bazo por la laboroj de TAGE kaj IPR, faru la unuajn paŝojn, por kun helpo de ĉiuj TAGE-anoj eluzi la novan internacian situacion. UEA kaj SAT, komprenante ĝin, certe rezignos al la kongrespartopreno de tiuj kolegoj, kiuj dediĉas sin al la nova laboro, kiu estos fruktodona por la tuta Esperanto-movado. Oni unuanime akceptis la ideojn de la referinto kaj lian proponon, plue pritrakti la demandon de la Ĝeneva kongreso de la World Federation kun Prof. D-ro Bovet. Samtempe oni konstatis, ke pedagogia semajno antaŭ la kongreso en Budapest, proponita de k-o Malmgren-Stockholm, ne estos tiom grava, kiom la partopreno en Ĝenevo. Plue oni decidis sendi salut- kaj dankleterojn al s-ino Morris por IALA kaj al Prof. D-ro Bovet.

Sekvis la raportoj pri IPR kaj TAGE. La redaktoro de IPR skizis per malmultaj vortoj la laboron dum la 3 lastaj jaroj, precipe menciante, ke mankas ĉiam ankoraŭ la kunlaboro de la popolinstruistaro, precipe de la eksterlandaj geinstruistoj. Tial la revuo ne jam estis tio, kio ĝi devas esti: la spegulo de la internacia lerneja kaj geinstruistara vivo. Fine de sia raporto li oficiale redonis la oficon de redaktoro al la asocio, kaj nome pro loĝejaj malfacilaĵoj, kiuj ne plu permesas al li plue sen saneca domaĝo plenumi ĉi tiun ampleksegan laboron.

K-o Goldberg-Leipzig raportas pri TAGE kaj IPR. La abonantaro de IPR en 1928 kreskis de 630 ĝis 800! La bilanco 1927 estis 1974.72 M. Al la presejo estas pagitaj 1245,13 M, por poŝtelspezoj 349,40 M, por redakciaj elspezoj 62,10 M, por 5100 gazetkovertoj 81,40 M, por skribmaŝino de la administrejo (partpago) 45 M, por 2 delegacioj al packonferenco Praha

40 M, por aliĝo al Internacia Eduka Oficejo-Ĝenevo 14 M, por diversaĵo 137,69 M. Komisiite de la grupo Leipzig k-oj Robert Räuber kaj Etzold reviziis la kason kaj konstatis ĝian ĝustan ordon.

La bilanco 1928 proksimiĝos aŭ eĉ superos 3000 M, do altiĝis je 1000 M. La saksa asocio denove komisiis la grupon Leipzig, fine de la jaro revizii la kason. Post la revizio la bilanco 1928 aperos en IPR. La akcia ŝuldo de IPR en 1925 estis 422,90 M. Dum 1927 estas repagitaj 55 M, 1928 152,50 M. Restas ŝuldo de 215,40 M, kiuj estos repagataj dum 1929 kaj 1930. Valoraj kritikoj pri IPR alvenis de Andreo Ĉe kaj de kolego Roosdorp, kiuj akcentas la necesecon de kunlaboro de ĉiulanda instruistaro. Por pli bone solvi la grandajn taskojn de IPR kaj por krei pli vastan rondon da respondecaj kunlaborantoj k-o Goldberg proponas elekton de gazeta komitato. Tiu komitato ankaŭ ekzamenu, kiun rekompencon ni povas doni al la redaktoro kaj al la administranto, kiuj ĝis nun tute senpage faris tre grandajn laborojn.

La taskoj de TAGE tiom kreskis, ke necesiĝas speciala sekretario, same laborkomitato. Ĝi estu en la distrikto de la sekretario kaj interrilatu kun la internacia direkta komitato. Ĝi preparu jenan ŝanĝon de la regularo de TAGE: (VIII. Administrado). En sia ĉefkunveno TAGE elektas sian estraron konsistantan el:

a) prezidanto, kiu en sia distrikto zorgu pri 2 vicprezidantoj daŭre kunlaborantaj,
b) redaktoro de IPR,
c) sekretario de TAGE,
d) administranto de IPR,
e) laborkomitato en la distrikto de la sekretario,
f) direkta komitato el minimume 5 diversnaciaj membroj.

b—f povas esti elektataj de komisiita Nacia Asocio.

La nova komitato tuj interkonsiliĝu pri la propono de ICK al TAGE partopreni la subskribkolektadon „Esperanton en la lernejojn“.

Post 6-jara laboro en la administracio de IPR k-o Goldberg transdonas sian oficon al la saksa asocio por nova elekto. La ĉefkunveno komisias la grupon Leipzig:

1. elekti novan administranton,
2. elekti la proponitan gazet- kaj ekzekutivan komitaton,
3. elekti sekretarion por TAGE,
4. prepari novan Esperanto-lernolibron por infanoj.

Fine de la kunveno la prezidanto esprimis la koran dankon de la asocio al k-o Ludwig por lia 3-jara redaktado de IPR. Granda ĝojo regas, kiam estas anoncata, ke D-ro Riedel (Pedagogia Instituto Dresden) surprenos la redakcion de IPR.

★

## Internacia Lerneja Servo.

(W. Hahn, Gohlis-Dresden.)

Estas konate, ke tre multaj gekolegoj uzas kiel efikan helpilon por la esp.-instruado la esp.-korespondadon. Kiu instruis Esperanton al infanoj, tiu spertis, kiel forte la peresperanta korespondado instigas la infanojn al nova fervoro, kiel ĝi plivastigas la infanan horizonton, kiel ĝi kreas la efektivan fundon al la propaca eduko.

Multaj gekolegoj havigis al si la adresojn por la interŝanĝo helpe de la Internacia Lerneja Servo, fako de Esperanto-Asocio de Saksaj Geinstruistoj. Sinjoro Richard Müller, Auerbach i. Vo., Kaiserstr. 53, Germanujo, la administranto de tiu ĉi praktika institucio, povis servi jam al multaj gekolegoj en diversaj landoj perante la adresojn de esp. klasoj, gelernantoj kaj instruistoj.

Tamen la bona institucio ŝajne ne estas ĉie konata, ĉar oni ofte legas en esp. gazetoj, ke gekolegoj varbas korespondantojn por siaj gelernantoj per anoncoj. Tio estus tute ne necesa, se la diversnaciaj gekolegoj uzus pli ol ĝis nun la helpon de I. L. S. Estus ankaŭ tre rekomendinda kaj helpus multe al nia movado, se ne nur gekolegoj serĉus infanadresojn por siaj gelernantoj per I. L. S., sed ke ankaŭ geinstruistoj anoncus sin pretaj, korespondadi kun diversnaciaj infanoj. Tian plej konvenan helpon ni ĝuis ĝis nun badaŭrinde nur tre malmulte. Mi dankas ĉi tie al skotaj, anglaj kaj svedaj gekolegoj.

Eble per miaj vortoj la institucio de I. L. S. fariĝu pli konata kaj estu plimulte uzata ol antaŭe, por ke la Esperanto-Asocio de Saksaj Geinstruistoj, kiu ricevas monhelpon de la Saksa ministerio, povu labori plej sukcese por la progreso de Esperanto en la lernejoj.



## Helpu, Gesamideanoj.

La granda gazeto semajna „Grüne Post“ publikigis en sia „Porinfana gazeto“ en la lasta tempo simplajn esperantajn tekstojn, laste 30. 9. en n-ro 40 (de W. Hahn, lernejestro, Gohlis-Dresden). La redaktoro de tiu ĉi parto „Onklo Jo“ ricevis multajn kartojn kaj leterojn de gesamideanoj, sed tamen la nombro ne estas tiel granda, ke pergazeta esperanto-kurso ŝajnas necesa aŭ rekomendinda. Por ke la intereso de la grava gazeto (eldonkvanto 750 000, Ullstein!) ne malkresku, la gesamideanoj, precipe gejunuloj, esp.-klasoj kaj instruistoj, skribu kelkajn vortojn, petante „esp.-angulon“ aŭ pluajn artikolojn. Adreso: Onklo Jo, Grüne Post, Berlin SW. 68, Kochstr. 22-26. — Skribu tuj! Via malgranda servo estas tre grava por la progresado de nia movado!



## Germana Kongreso de la Lernejaj Kamparhejmoj.

Se mi tradukas la germanan vorton „Schullandheim“ en Esperanton per „lerneja kamparhejmo“, mi do unue devas klarigi, kio estas tio. La kamparhejmo estas domo aŭ barako troviĝanta en aŭ ĉe vilaĝo, kiu servas al iu

grandurba lernejo por edukaj, instruaj kaj refreŝigaj celoj. Tiaj hejmoj, kvankam diversspecaj, ekzistas en la plej diversaj regionoj de Germanujo. Entute ekzistas 186, el kiuj 122 apartenas al mezgradaj lernejoj (liceoj ktp.)). Oni komprenos ĉi tiun institucion plej bone, se oni komparas la diversajn formojn.

Jam dum la milito komencis instruisto kun sia grupo de profesiaj lernejanoj (metallaboristoj) ĉi tiun laboron en Hamburgo. Ili pruntaĉetis kampon grandan 20 arojn enmeze de herikejo norde de la urbo je unu distanco de unuhora piediro ĉe la bordo de rivereto Tarpenbeck. Al ĉi tiu kampo ili nun iris ĉiudimanĉe kaj propramane konstruis barakon, sufiĉe grandan, ke la klaso povis sidi en ĝi ĉirkaŭ tabloj kvazaŭ en sia komuna hejmo, ludante, kantante konversaciante. La aranĝo trovis subtenon de la profesilerneja administrejo, kiu pruntaĉetis pli da kampo ĝis 55 hektaroj, el kiu ĝi kreis junularan parkon kun sportkampo, vadejo kaj ĝardena teatro. La plejmulto tamen restis en natura stato.

Sur ĉi tiu areo evoluis tuj post la milito pli vigla laboro. Estis la tempo de malsato, de mankanta pano kaj nutraĵo, kiam la malgrandaj kvantoj da nutraĵo estis posemajne almezuritaj al ĉiu regnano. Tiam la infanoj en la lernejoj estis palaj kaj malfortaj ambaŭrilate, korpe kaj energie. La gepatroj kaj la instruistoj de kelkaj popollernejoj sin turnis al la profesilerneja administrejo kaj subpruntis de ĝi parton de la areo ĉe la Tarpenbeck. Ili tien iris, konstruis sur sia parto ankaŭ barakon, fosis kaj provis kulturi nutroplantojn. En ĉi tiuj ĝardenoj ankaŭ la infanoj laboris kaj ricevis malgrandajn personajn bedojn. Ĉi tiuj ĝardenoj en la sekvintaj jaroj malaperis escepte de unu. Sed la barakoj de la lernejoj restis. Ili estis pligrandigataj jaron post jaro per laboro de la gepatraro. La patroj tien iris kaj laboris tiel, ke hodiaŭ ĉiu barako entenas dormsalonon kun 35-50 puraj litoj, tagsalonon kun tabloj, benkoj kaj seĝoj, kuirejon kun fajrujoj, ban- kaj lavĉambrojn kun sufiĉe da lavujoj, apartajn ĉambrojn por la instruisto, por malsanuloj kaj por la kuiristinoj. Ĉiuj ĉambroj estas sufiĉe grandaj. Ekster la konstruaĵo en kelka distanco troviĝas necesejo. La tuto estas la kamparhejmo de unu unuopa lernejo.

Similaj hejmoj sin trovas en ĉiuj direktoj de la urbo. Sed ne ĉiuj estas barakoj. Kontraŭe la plej multaj estas malnovaj vilaĝaj domoj, kelkaj eĉ antaŭaj hoteloj, kiujn la patraroj alikonstruis konforme al la nova celo. Sed ne nur per manlaboro kaj bonaj konsiloj la gepatraro helpis kaj helpas, sed ankaŭ per ĉiumonataj kotizoj en meza alteco de 30 germ. pfenigoj.

Kion nun la lernejoj faras en siaj hejmoj? Ili tien sendas laŭ antaŭe ellaborita plano la klasojn. Ĉiu instruisto kun sia klaso iras en la hejmon por du aŭ tri semajnoj. Ili tio plene loĝas dum ĉi tiu tempo. Ĉiu infano pagas potagan pensionon de 1 ĝis 2 germ. mk. Malriĉuloj estas helpataj de la aliaj kaj de la urbo. La alteco de la pensionprezo diferenciĝas laŭ ĉu la lernejo dungis apartajn kuiristinojn aŭ ĉu du ĝis tri patrinoj de infanoj de la koncerna klaso estis pretaj por fari la dom- kaj kuirlaborojn. La instruisto dediĉas sin al la edukaj kaj instruaj taskoj. La instruado ne estas daŭrigo de la klaslaboro en la urba klasĉambro, sed konformiĝas laŭ la rimedoj kaj instigoj, kiuj elvenas el la nova kampara ĉirkaŭaĵo. La ĉefa celo de la hejmlaboro estas edukado de la infano al plenumo de sociaj bezonoj.

Tiaj kamparhejmoj de Hamburgaj lernejoj ekzistas nun 21 apartenantaj al unuagradaj popollernejoj. Krome ekzistas ankoraŭ 8 hejmoj, kiuj ne

apartenas al apartaj lernejoj, sed al societoj, kiuj ludonas ilin por du aŭ tri semajnoj al po unu klaso de iu lernejo, kiu petas pro ĝi, ĉar ĝi ne posedas propran kamparhejmon.

La idealo en la Hamburga movado estas la propra hejmo de la unuopa lernejo, kiu estas la zorginfano de la lernejo kaj kunligas la gepatraron kun la instruistaro per tio ke ĝi devigas ilin kunveni por konsili, por labori, por festi pri, pro kaj en la hejmo.

La lerneja administrado de Berlin iras aliajn vojojn. Tie ili postulas pro pedagogiaj kaj sanitaraj kaŭzoj restadon en la hejmo de minimume tri semajnoj. La urbo kreas hejmarojn en arbaro kaj herikejo, en kiuj la diversaj hejmoj estas tiel situigataj, ke la klasoj ne ĝenas unu la alian. Sed la tuta kolonio havas unu centran kuirejegon. La potaga pensiono estas 1,70 germ. mk., de kio la urbo pagas 1,00 germ. mk. Iom pagas la asekuraj societoj por malsanuloj; la reston pagas la gepatroj. La urbo celas, konstrui minimume po unu hejmon por ĉiu kvartalo.

Ekzistas ankoraŭ aliaj projektoj, ekzemple tiu de interŝanĝo de la hejmoj de lernejoj de diversaj urboj, tiel ke la infanoj ankaŭ konatiĝu kun aliaj regionoj, gentoj kaj moroj de sia patrujo. Interŝanĝo de hejmoj de diversaj landoj servus al la homara edukado.

Por lernejaj kamparhejmoj oni laboras precipe en la industriaj regionoj, krom Hamburg kaj Berlin en Saksujo, en Rhejnlando kaj en Frankfurt. La reprezentantoj de la hejmoj kunvenis en Hamburgo dum la unuaj tagoj de Oktobro, priparolis siajn spertojn kaj montris kiom ili jam atingis.

F. Kraus-Hamburg.



## El Jugoslavio.

La 11. de Aŭgusto 1928 okazis en Mariboro la ordinara jarkongreso de la Asocio de Jugoslavaj Geinstruistoj. Estis priparolitaj nur la plej gravaj administraciaj aferoj, ĉar pro la koincidinta morto de la politikisto Stjepan Radiĉ oni mallongigis la kongresan programon por honori la mortinton ebligante al la kongresanoj, partopreni la solenan enterigon. Tiun honorigon flanke de l' instruistaro la fama mortinto vere meritis jam kiel persista klerigintо de l' vilaĝa popolo kaj iama ministro de l' Publika Klerigo, sur kiu posteno li ankaŭ progresigis la esp. movadon ĉe ni; li enkondukis devige Esp-n en la Superan Komercistan Lernejon en Zagreb. Kiel amiko de Esperantismo, li mem estis Esperantisto, en diversaj okazoj publike li prenis partion por Esperanto, kaj sia voĉo estis konsiderinda.

Ivo Rukavina, Zagreb.



## Lerneja vivo en Jugoslavio.

Laŭ leĝo de popolinstruado la lernado en nia lando estas senpaga kaj deviga por ĉiuj infanoj de 7 ĝis 14 jaraj. Instruado en popollernejo daŭras ordinare 4 jarojn. En ĉiu vilaĝo ekzistas lernejo kun pleje malpli ol 30 gelernantoj kaj unu instruisto. Tiuj popollernejoj estas plej ofte tre mizeraj

ejoj, en kiuj oni ne povas instrui. Krom tiaj oni havas tre modernajn lernejojn. Malgraŭ la laŭleĝa instruado estas deviga, 40% de la tuta infanaro ne vizitas lernejon. Tia nedezirata stato de niaj lernejoj devenas el la senzorgeco de politikistoj.

La lernejo estas ŝtata, sed la komunumo estas devigata subtenadi ĝin. La komunumo donas: 1) ejon por lernejo, 2) ejon por instruistaj loĝejoj, (konsistas el 2 ĉambroj kaj kuirejo), 3) hejtaĵon por lernejo kaj instruistoj, 4) ĝi zorgas pri ceteraj bezonoj de la lernejo kaj aĉetas la tutan oficejan materialon.

La instruistaron pagas la ŝtato tiamaniere:

| | | |
|---|---|---|
| 1, 2, 3 | jaroj de ofico . . . . . . | 1221 din. |
| 4, 5, 6 | „ „ „ . . . . . . | 1385 „ |
| 7, 8 | „ „ „ . . . . . . | 1445 „ |
| 9 | „ „ „ . . . . . . | 1595 „ |
| 10, 11, 12 | „ „ „ . . . . . . | 1655 „ |
| 13, 14 | „ „ „ . . . . . . | 1715 „ |
| 15 | „ „ „ . . . . . . | 1940 „ |
| 16, 17, 18 | „ „ „ . . . . . . | 2000 „ |
| 19, 20 | „ „ „ . . . . . . | 2060 „ |
| 21 | „ „ „ . . . . . . | 2310 „ |
| 22, 23, 24 | „ „ „ . . . . . . | 2365 „ |
| 25, 26, 27 | „ „ „ . . . . . . | 2470 „ |
| 28, 29, 30 | „ „ „ . . . . . . | 2570 „ |

(Uzona dolaro valoras 56 dinarojn.)

Por ĉiu infano ĝis la 16-a jaro la patro ricevas 150 dinarojn pomonate. Se instruistino estas edzino de instruisto aŭ alia ŝtatoficisto, ŝi ricevas 400 din. malpli pomonate ol kiel needziĝinta. Pro tio la tuta instruistaro multfoje protestis sensukcese.

Kiu ĉe ni volas esti instruisto devas ellerni: 4 klasojn de mezgrada lernejo kaj porinstruistan lernejon ankaŭ 4 jarojn.

Estis tute necesa, ke la instruistaro en nia lando organizis sin, sed la organizacio ne povas stari sur sindikata bazo. Ni havas departementajn, regionajn kaj tutlandajn asociojn. La lasta estas Jugoslava Instruista Asocio. (Jugoslovensko Učiteljsko Udruzenje.) Unufoje ĉiujare la prezidanto, ankaŭ instruisto, elektita por unu jaro, invitas la landan kongreson. Tiuj ĉiujaraj kongresoj estas grandaj manifestacioj de potenco de jugoslaviaj geinstruistoj. Ne ekzistas statistiko pri nombro de geinstr-oj en nia lando, sed oni opinias, ke ni havas ĉirk. 22.000.

La instruista asocio eldonas semajnan gazeton „Publika Instruado“ (Narodna Prosveta), kiu havas informigan karakteron, kaj pedagogian revuon „Instruisto“ (Učitelj), kiu aperas monate kaj enhavas multe da sciencajn, psikologiajn kaj pedagogiajn artikolojn. La plej bona instruista revuo estas „Instruista Fajrero“ (Učiteljska Iskra), kiun eldonas amikoj de libera lernejo.

La tuta geinstruistaro en Jugoslavio vivas en granda mizero; la salajro estas malgranda kaj la elspezoj tro grandaj. Ne ĉiu instruisto povas vivsubteni sian familion pro tro altaj prezoj por la vivbezonoj. La burĝa politika potenco estas granda kaj ĉiam ĝi kontraŭstaras la liberpensulan geinstruistaron, kiu deziras plibonigi la malfacilan staton kaj batalas por libera lernejo kaj kontraŭ klerikismo.

Neniu inter ŝtatoficistoj kaj instruistoj povas aparteni al partio, kiu agas kontraŭ la nuna ŝtata ordo kaj ŝtato. Ne ŝajnas, ke la malfacila stato de jugoslavia instruistaro pliboniĝos.

R. Kostiĉ, Jugoslavio.



## La Konferenco de la Estraroj de l' Geinstruistaj Asocioj de Baltaj Ŝtatoj rekomendis la uzadon de Esperanto.

La 28-an de Junio en Tallinn (Reval) dum la kongreso de geinstruistoj de baltaj ŝtatoj, s-ano A. Audova, privat-docento de la universitato de Tartu (Dorpat), en sia parolado pri la pacifista rolo de la lernejoj rekomendis uzadon de Esperanto. La sama kongreso, pridiskutinte la demandon pri la oficiala lingvo de interrilatoj inter la geinstruistoj, konstatis ke la kono de l' rusa lingvo en la baltaj ŝtatoj malpligrandiĝas kaj ke la lernejoj ne donas al la lernintoj sufiĉan konon de la germana lingvo. Pro tio la kongreso komisiis al la estraroj de ĉiuj tutlandaj geinstruistaj asocioj detale pridiskuti la demandon kaj definitive elekti unu el la lingvoj rusa, germana kaj Esperanto.

La **21-an de Aŭgusto** en **Kaunas** (Kovno) okazis la konferenco de la estraroj de la asocioj. La estonia delegitaro subtenis Esperanton. Estis decidate turni la atenton de la geinstruistoj al tio, ke nun ankaŭ Esperanto povas esti bona kaj utila rimedo por interrilatoj inter la geinstruistaro de diversaj landoj.

El Heroldo, n-o 37.



## La Movado en Estonio. — Tartu'a Geinstruista Asocio por Esperanto.

Printempe ĉi-jare la estraro de la instruista asocio de l' distrikto Tartumaa invitis s-anon A. Saul por fari paroladon pri Esperanto en la jarkunveno de la asocio. Multe klopodis por tio asociestrarano J. Muska kaj la estro de la distrikta lerneja administracio P. Uiga. En la rezolucio oni rekomendis la instruon de Esperanto en lernejoj kaj someraj instruistaj kursoj. Dank' al favora rilato de s-ro Uiga estis aranĝata somera rapidkurso por geinstruistoj. La kurso sukcesis. La esperantistaro ne miros pri tio, ĉar la kurson gvidis nia fama pedagogo kaj senlaca propagandisto Andreo Ĉe, speciale invitita el Svedlando. Dank' al lia granda talento la nombro de la kursanoj konstante kreskis kaj, komenciĝinte per 40 personoj, finiĝis per 68. Kaj la instruistaro ne nur lernis dum la elementa kurso, sed zorgis ankaŭ pri la daŭrigo de la lernado.

Grupo de instruistoj, forveturontaj al siaj vilaĝaj lernejoj, petis aranĝi specialan daŭrigan rapidkurson; por helpi al aliaj kursanoj oni starigis specialan komisionon, konsistantan el s-anoj K. Feldmann, A. Saul kaj E. Nurm.

Vidinte la sukceson de la kursoj, la Tartu'a Popola Universitato decidis enkonduki en sian lernoplanon Esperanton, aranĝante unu elementan kaj unu daŭrigan kursojn. La kursojn gvidos H. Seppik kaj A. Saul.

(El Heroldo, n-o 37.) R. Aso.



# Internacia Pedagogia Kongreso

de la

## Mondfederacio de Edukasocioj (fondita en San Francisko)

25. Julio ĝis 4. Aŭgusto 1929 en Ĝenevo.

## Kelkaj miloj da kongresano!

Esperanto estos diskutata kaj eble aplikata!

**TAGE** (Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj)

partoprenos kaj alvokas ĉiujn Esperanto-instruistojn:

## Venu al Ĝenevo!

Anoncu vian aliĝon ĉe M. Goldberg, Leipzig-Oetzsch, Im Lumbsch.



# Internacia Pedagogia Kongreso

de la

Internacia Laborrondo por Nova Edukado

8.—21. Aŭgusto 1929 en Helsingōr-Danemark.

Esperanto estos aplikata!

**TAGE** sendas delegitojn kaj ankaŭ tien invitas la Esperanto-instruistojn.

Anoncu vian aliĝon ankaŭ al M. Goldberg, Leipzig-Oetzsch, Im Lumbsch.



**TAGE** rapide kreskis en la jaroj 1927 kaj 1928 de 511 ĝis 800 membroj.

La nuna situacio postulas, ke ĉiu Esperanto-instruisto aliĝu kaj legu ĝian oficialan organon Internacia Pedagogia Revuo.

# DIVERSAĴOJ.

## Nova Administranto de IPR!

Fine de la jaro kolego Karl Kröber, Weststr. 4, Riesa-Saksio, afable surprenos la administracion. La ĝisnuna administranto daŭrigos siajn laborojn kiel sekretario de TAGE.

Saksoj sendu sian kotizon al k-o Schönherr-Dresden,

Germanoj al k-o Spange-Leipzig,

Ne-germanoj al k-o Kröber-Riesa.

## Akcioj validaj por 1929.

Jenaj akcioj validas kiel abonpago por IPR 1929: n-o 7-Achilles, 10-Dühring, 13-Müller-Freital, 16-Leichert, 22-Michael, 25-Meisgeier, 28-Schröder, 31-Neuber, 34-Heinrich-Potsdam, 37-Krienitz, 40-Freygang, 43-Pietzsch, 46-Krämer, 49-Kofler, 52-Bieg, 55-Boubou, 58-Staudenmeyer, 61-Vittecoq, 64-Laudel, 67-Bruklis.

Bonvolu konsenti, ke ni kalkulas la reston de via akcio en vian abonpagon por 1930, se vi ne deziras donaci ĝin al IPR.

Pri viaj donacoj ni kvitancas en IPR.

## Donaco al IPR.

K-o Knopf-Schwarzenberg sendis donacon de 5 M al IPR. K-o Schröder-Marbach donacis 1 M de sia akcio. Ni kore dankas al vi por tiu esprimo de via kontenteco kaj helpemo.

## Noton pri IPR

aperigis Brazila Esperantisto (n-ro 1-6), Arbeiter Esperantist (n-o 10), Germana Esperantisto (n-o 9/10), Esperanto (n-o 9/10).

## Angla Tarifo por IPR.

La abono al IPR 1929 nur kostas 3 ŝil.

## Ŝanĝo en la Redakcio.

Post trijara streĉa laboro kolego Ludwig pro malbona sanstato kaj pro tre maloportuna loĝejcirkonstanco fordonis la redakcion de IPR. Multon li laboris por ni kaj por nia movado tute senrekompence. Nia sincera danko estu por li rekompenco. Li afable promesis, daŭrigi siajn interrilatojn al eksterlando por subteni la novan redaktoron.

La demando pri nova redaktoro per tio tre ĝojige estas solvita, ke D-ro Kurt Riedel, docento de la Pedagogia Instituto-Dresden, afable konsentis surpreni la redakcion.

## Malfruiĝo de n-ro 11/12.

Pro atendo de grava materialo ni devis prokrasti la aperdaton de tiu n-ro. Ni esperas, ke vi trovos en la enhavo kaj en la amplekso de la kajero sufiĉan rekompencon por la malfruiĝo. Ni ankaŭ klopodos, eviti en 1929 malfruiĝon.

## Infankorespondado.

K-o Prapuolenis-Kazlu Ruda, Litovio, proponas, ke Esperanto-instruistoj interŝanĝu laborojn ankaŭ de ne-esperantistaj infanoj kun eksterlandaj klasoj kaj per tiu internacia interŝanĝo propagandu Esperanton.

## Instruist- kaj Infankorespondado.

Gekolegoj, anoncu en nia IPR, se vi serĉas korespondantojn por vi mem aŭ por viaj gelernantoj! Abonantoj nur pagas 2 respondkuponojn por 1 anonco!

## Analizo pri Vortofteco.

Sur paĝo 7 de n-ro 8, 1928, IPR skribis, ke S. Rublev faris tiun analizon. K-do Rublev petas nin kompletigi, ke kunlaboris kun li: K-ino Grekova (Leningrad), k-doj Degterev (Omutinks), Kostin (Opoŝna), Matejko (Miĥajlovskij ĥutor), Filipov (Ĥarkov), Ŝilsulman (Grozov).

## Sukceso de Vojo de Klerigo helpe de Esperanto.

La Germana Komitato por Internaciaj Pedagogiaj Aferoj (DAFIPA = Deutscher Ausschuss für Internationale Pädagogische Angelegenheiten) sendas la germanlingven tradukitan Esperanto-resumfolion de Vojo de Klerigo al ĉ. 100 redakcioj de germanlingvaj pedagogiaj gazetoj. La tradukon de la resumfolio surprenis k-o studkonsilisto O. Bonte-Frankfurt kaj la grupo Leipzig de la Esperanto-instruistoj.

## Korespondado.

Mi petas ilustritajn poŝtkartojn el ĉiuj eŭropaj landoj (ekster Germanujo) por la geografia instruo, kiuj bone vidigas rimarkindajn pejzaĝojn, homojn en siaj okupoj kaj kostumoj de la lando. Mi rekompencas per kartoj de mia hejmlando.

M. Stratmann, instruistino, Bäuninghausstrato 70, Essen-Altenessen, Germ.

---

Presejo: Dr. Karl Pickert, Leitmeritz, Bohemio.